VIIa jaro. No 100 ★ Duonmonata ★ 5 Majo 1911

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**

Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



## TRO DA LINGVISTIKO !..

Antaŭ tri-kvar jaroj Esperantismo travivis ŝajne danĝeran krizon, feliĉe venkitan, — la Esperantistaro liberiĝis de kelkaj, certe ne tre multenombraj « reformemuloj », kaj — nenio plu. Ŝajnis, ke la sperto, akirita el tiu akcidento, devus nin fari pli singardemaj, ol ni estis antaŭe pro nia iom naiva trofidemeco de la unua periodo de nia movado, kiam la « juneca » fervoro, sindonemo kaj unuanimeco de niaj pioniroj ne allasadis eĉ etan suspekton, ke meze de ili povus sin trovi homoj, kaŝe subfosantaj la esencon mem de Esperantismo.

Por senigi la « reformemon » de kelkaj personoj je ĉia ajn bazo, estis proklamate, ke la lingvo Esperanto, same kiel ĉiuj vivantaj lingvoj, nepre devas nature evoluadi, perfektiĝi kaj pliriĉiĝi, — tamen sen iaj ajn arbitraj kapricoj kaj perfortaj eksperimentoj laŭ individuaj gustoj kaj apetitoj, — la « Fundamento » devas resti netuŝebla.

Ĉu tia principo ne povis kontentigi *ĉiujn* sincerajn adeptojn de la ideo pri lingvo internacia ? ! Certe jes ! Tamen...

S-ro H. Hodler (en No 92 de *Esperanto*), tute prave diras : « La vivo de ĉiu movado estas batalo inter unueco kaj diseco ; se la unua superas, tiam la movado kreskas je propra forto kaj progreskapablo : se superas la alia, al certa kaj baldaŭa morto iras tiu movado... La homo de l'unueco zorgas nur pri siaj *devoj*, — la homo de l'diseco nur pri siaj *rajtoj* ».

Jen nun ekzistas kelkaj Esperantistoj, kiuj zorgas nur pri sia *rajto* « enkonduki novajn vortojn ! » Ili diras, ke « ĉiu raso, ĉiu nacio posedas en sia vorttrezoro netradukeblajn vortojn ;... ĉu lingvo internacia ne devas akcepti kaj kvazaŭe samcivitanigi kelkajn germanajn aŭ francajn vortojn, kiujn neniu vorto el alia ajn lingvo ekzakte samvaloras ? ».

Kial nur « kelkajn germanajn aŭ francajn ? » Kial ne ankaŭ anglajn, bohemajn, bulgarajn, danajn, grekajn, hispanajn, italajn, japanajn, norvegajn, polajn, rusajn, rumanajn, serbajn, svedajn k. c., k. c., k. c., — ĉar ja « ĉiu raso, ĉiu nacio posedas netradukeblajn vortojn ? !... » Kio fariĝus tiam nia Esperanta vortaro ? Ĝi estus pli dika ol la plej dika leksikono de iu ajn nacia lingvo ! Kaj kio fariĝus tiam unu el la plej gravaj kaj allogaj ecoj de Esperanto — ĝia facileco ?...

Evidente, en ĉi ĉio estas kaŝita iu sofismo, bezonanta klarigon.

Sendube, ĉiu verkanto (ĉu originale, ĉu traduke) povas, en bezonokazo, sed tre singarde, *uzi* en sia teksto tiun aŭ alian nacian vorton, kiu ne ekzistas en Esperanto, — kompreneble, klarigante ĝin per piednoto. Sed tia *uzado* de aparta verkisto tute ne egalvaloras *enkondukon* de la vorto en Esperantan *vortaron*. Inter unu kaj alia estas ja grandega diferenco !

La « netradukeblaj » vortoj, plejparte, estas tute naciaj apartajoj, havantaj sole lokon, sed tute ne ampleksan, internacian aŭ eĉ tuthomaran valoron kaj signifon. Kial do lingvo internacia, neniel celanta anstataŭi la naciajn lingvojn, devas nepre « samcivitanigi » tiajn naciismojn ? Mi ripetas : en okazo de neceseco, ili povas esti uzataj (kun

klarigo), — sed pro tiaj, certe maloftaj bezonoj estus tute ne racie pliampleksigi nian vortaron, kiu jam dum preskaŭ kvarono da centjaro tiom sukcese servas al la Esperantistoj.

Tiom malpli rajtas iu ajn, ne nur « enkonduki », sed eĉ nur uzi novan vorton, ĉerpitan el sia aŭ alia nacia lingvo, pretekstante, ke la koresponda Esperanta vorto, laŭ lia opinio, « ne tute ekzakte » esprimas la sencnuancon de la nacia vorto. Ĉi tie komenciĝus ja plena persona arbitro, plena anarĥio kun ĉiuj ĝiaj sekvoj !..

*Vortaristo* rajtas nur *enregistrigi* « novajn vortojn », ne entenatajn en la Universala Vortaro kaj ĝia Oficiala Aldono, se ilia *antaŭa uzado* ne de izoluloj, sed de *multaj* verkistoj pruvis ilian necesecon, — ĉar enkonduko de vorto en vortaron (eĉ privatan), certe, kvazaŭe ĝin « samcivitanigas », konstatas kaj sankcias ĝian uzadon, kaj postulas, ke ĉiu Esperantisto ĝin konu.

Tia emo al « novaj vortoj », diversaj « neologismoj », « plibonigoj », « pliriĉigoj », k. t. p. entenas en si, se ne danĝeron, almenaŭ gravan malhelpon por nia propagando. S-ro Era ( « Flugfolioj » en « Lingvo Internacia » 1910, No 11) tute prave konstatas, ke « la malriĉeco de nia gramatiko estas nia plej ŝatinda riĉaĵo, kaj ke ĉiufoje, kiam oni enkondukas novan vorton en la lingvon, oni forprenas de ĝi iometon da estonteco ».

Se la okazinta antaŭ tri kvar jaroj aventuro kaŭzis nur forigon de kelkaj « plibonigistoj » el la tutmonda Esperantistaro, ne difektinte nian movadon, — tio ne permesas al ni silenti, kiam naskiĝas similaj atencoj kontraŭ nia unueco.

Tamen, — ni ne trograndigu la aferon ! Ne neante la gravecon de pure lingvaj demandoj, ni gardu nin doni al ili troan atenton, — la popolo Esperantista ne okupu sin pri lingvistikaj subtilaĵoj, fidele parolu la Zamenhof'an lingvon kaj dediĉu sian tutan fervoron, ĉiujn siajn fortojn al la « interna ideo » de Esperantismo kaj al Esperantio, por ke pro la *rimedo* ne estu forgesata la *celo* — ĉiupopola solidareco kaj tutmonda paco !

D-ro Andreo Fiŝer.

# Liberaj Vortoj

## Parlamentanaj promesoj kaj agoj

En la momento kiam S-ro Steeg, nuntempe ministro de publika instruado en Francujo, estis balotota ĉe la franca Deputataro, li faris tiun deklaron al Esperantistoj :

« Mia opinio restas kia ĝi estis (S-ro Steeg subskribis la projekton Cornet pri oficiala instruado de Esperanto) kaj mi defendos laŭ mia eblo la aferon, por kiu vi batalas kun tiom da utila sindonemo. »

Tio estas la promeso de la kandidato, kelkaj vortoj verdire ne tre gravaj, sed kiuj al la personoj ne konatiĝintaj kun la subtilaĵoj de la parlamentana lingvo, povos signifi, ke kiam venos la okazo S-ro Steeg sendube defendos Esperanton.

Nu, malmultajn monatojn poste mi legas la jenon (1) : « En la rimarkinda raporto kiun li faris, en la nomo de la buĝeta komisiono de la Deputataro, pri la projekto de buĝeto de Publika Instruado por 1911, S-ro Steeg, per interesaj statistikoj, konstatigis la fakton, ke la franca lingvo pli kaj pli disvastiĝas en la fremdajn landojn, malgraŭ la paralela disvastiĝo de la lingvoj de nacioj konkurantaj al nia, kaj speciale la lingvoj germana kaj angla. El tiu fakto li konkludas (2), ke la franca lingvo estas certe difinita por esti iam universale alprenata por la internaciaj komunikoj, disvastiĝante pli kaj pli ĉiulanden, kiel klasika lingvo kaj komunuza lingvo de la elitoj kaj de la bona societo, k. t. p.».

Tiamaniere S-ro Steeg « defendas » Esperanton. Oni ne povus pli bone montri la vanecon de tiu agado por Esperanto, kiu konsistas el kolektado de parlamentanaj subskriboj. Kun tia sistemo facile povas okazi, ke ĉiuj Parlamentanoj sin deklaras favoraj al Esperanto ; tio ne malhelpos, ke la rezultato estus absolute sama se ili estus malfavoraj.

Ĉe la sama franca Deputataro, Abato Lemire en la kunveno de la 14a de februaro diris, ke Esperanto estas « nur senforma amaso de sonoj nenion signifantaj », ke ĝi « estas maŝinaĵo », k. t. p. Vi eble kredas, ke unu el tiaj multaj deputatoj, kiuj aprobis Esperanton kaj promesis ĝin defendi, stariĝis kaj rimarkigis al abato Lemire, ke li estas diranta malspritaĵon de neordinara profundeco ? Se tia estas via opinio, vi havas ankoraŭ naciajn iluziojn. Ĉiuj « Esperantistaj » (?) deputatoj konservis singardeman silenton.

Laŭ mia humila opinio, kiun mi trudas al neniu, la Esperantistoj kiuj klopodadas akiri tiajn malprecizajn aprobojn kaj promesojn de ne konvinkataj Parlamentanoj, simple perdas tempon, kiun ili povus multe pli utile dediĉi al pli interesaj agadoj. Esperantisto, kiu faras Esperantan kurson kaj sukcesis lernigi kaj uzigi Esperanton al tri aŭ kvar modestaj personoj multe pli utile laboris por Esperantismo ol tiu, kiu havigis al ni la aprobon de S-ro Steeg aŭ aliaj.

Kiam do oni komprenos, ke la Parlamentanoj vere interesiĝos pri Esperanto nur kiam Esperanto ne plu bezonos ilin ?

H. H.

(1) Franca Esperantisto, paĝ. 50, trad. el franca lingvo.

(2) Rimarku tiun logikan konkludon : la franca lingvo disvastiĝas eksterlanden, sed la germana kaj la angla lingvoj ankaŭ ; sekve la franca lingvo fariĝos internacia.

## PENSOJ

La espero similas la ondojn de l'maro : milfoje ili estas disbatataj, sed tiomfoje ili revenas.

Pli facile ni kredas la mensogojn, kiuj plaĉas al ni, ol la verojn, kiuj malplaĉas al ni,

Vera diplomato estas tiu, kiu scias teni sin kiel la plej ruza, kvankam li estas la plej malsprita.

Honorajoj estas kiel iriloj : ili vin levas, sed ne pligrandigas.

Malriĉeco estas la sola ŝarĝo, kiu plipeziĝas, kiam devas ĝin kunporti ankaŭ tiuj, kiuj estas karaj al ni.

Preferinda estas azeno, kiu nin portas, ol nin faliganta ĉevalo.

Ju malpli oni scias, des malpli oni dubas.

La edukado havas kiel taskon fari el la homo ion alian ol ĝi volus esti.

La vero ne konformiĝas laŭ ni ; ni devas konformiĝi laŭ la vero.

La rememoro estas la sola paradizo, el kiu ni ne povas esti forpelataj.

Ofte oni bezonas multajn vortojn por repreni unu solan vorton.

# Al niaj Abonantoj

**Ni petas ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri finiĝo de sia abono dum tiu monato, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (luksa eldono : 2,50 Sm.)**
**La abonoj komenciĝas de la Ia de ĉiu monato.**

# SOCIA VIVO

HISTORIO

## La Kvindekjara Jubileo de Vladivostok (1).

III

Dum la senlaboraj kaj malsobriĝintaj oficiroj kaj oficistoj finis sian vivon per memmortigo aŭ en la « Kluboj de lancepupoj » kaj « Agla Nesto » — entreprenemaj rusaj kaj fremdlandaj komercistoj kaj industriistoj pli kaj pli enradikigadis la eŭropan komercon sur tiuj sovaĝaj bordoj. Estis komercataj manufakturo, faruno, salo, armilaro, fiŝkaptaj kaj marĉasaj materialoj ŝipŝnuregoj, brando kaj alkoholo. Ili ne malŝatis ankaŭ naĝi sur malgrandaj ŝipetoj en la havenajn urbetojn de Koreujo kaj ekspedadi tien la maran brasikon, trepangojn (speco de holoturio), ostrojn kaj ruĝajn fiŝojn.

La komercado disvolviĝis kaj baldaŭ en la Ora Korno aperis vaporŝipoj sub ĉiuj flagoj.

La urbo viviĝis kaj en ĝia historio en la komenco de 70-aj jaroj fariĝis okazintaĵo tre grava. Estis malfermita Varietea Teatro-amuzejo nomata « Tiĥij Okean » (Pacifika Oceano) aŭ « Slavjanka. » En la juneta urbo mankis virinoj aŭ estis tiom malmulte da ili, ke la ĥinoj sprite mokante nomis ĝin nova haveno, « Urbo de viroj. » Enua estis tiu urbo... sen virinoj, nenio do estas miriga en tio se la homoj mempafadis sin, kaj la maristoj malbenis la mariron en Vladivostok kaj jam en la malproksimo ekvidinte « La Aglan Neston » aŭ la « Skriplev'an Ŝtonon » (insuleto en proksimo de Vladivostoka haveno kie troviĝas nun lumturo), antaŭ ol eniri la Orientan Bosforon, ili kutime ordonis elruligi sur la ferdekon aŭ en la komunan kajuton ŝatindaspektan barelon da cejlona rumo.

Sed ree aperis entreprenema homo. Kiu li estis, de kie li venis, tio estas kovrita per densa mallumo de pasinteco, simile al la vera deveno de dia Buddo aŭ saĝega Lao-Tse. Tio do estis la fama Ivanov, la kulturigisto de arto sur la bordoj « de Pacifika Oceano. » Tiaj subskriboj trovis lokon kutime sur « adresoj » al li legitaj je jubileaj kaj benefisaj tagoj. Ivanov varbis dekon da plej belaj soldatamatinoj, lernigis ilin kanti popolajn kantojn, vestigis ilin mode kaj poste super la pordo de sufiĉe granda domo, staranta en la komenco de la strato svetlanskaja faris jenan ŝildon :

« Teatro Tiĥij Okean » aŭ « Slavjarka. » Ĉi-loke troviĝis bufedo. Ĉe la sonoj de kantoj kaj muziko oni facile drinkadis kaj manĝadis kaj ĉefe multe.... multege...! La kantistinoj havis plenan sukceson, ilin promenveturigis koloneloj kaj ŝipkapitanoj kune kun iliaj edzoj soldatoj. Ankoraŭ antaŭ nelonge multaj generaledzinoj estis laŭ sia deveno kantistinoj el la fama « Slavjanka » de nune jam mortinta « Kulturigisto de arto » Ivanov.

La enspezoj de l'entrepreninto kreskis, kreskis la urbo, kaj Ivanov komencis alveturigi por sia teatro kantistinojn de l'bordoj de Amur kaj transbajkala regiono. Ĉi-tien ili iris volonte, ĉar multe da mono, vino kaj fianĉoj estis haveblaj. Post dek jaroj proksimune Ivanov konstruis grandan, ŝtonan teatron kun luksa restoracio.

Tiel laboradis kaj antaŭen movadis la vivon de Vladivostok tiuj, kies agado estis al ĉiuj videbla. Sed flanke de ili vivis kaj laboris fortoj, kiuj, sen esti rimarkataj, potence igis la urbon rampi sur la montojn en unu parto sur la terlangon Egerŝeld, en la alia ĝis la golfino « Putra Angulo. »

Jen de ie alvenadis homoj-ĉasistoj, fiŝkaptistoj, popecaj vendistoj, kolportistoj. Ili konstruis domojn, boatojn kaj vaporŝipojn, alvenante kaj ree forirante. Kiuj estis tiuj homoj? Ili estis aŭ forkurintaj kaj liberigitaj post kondamno punlaboristoj, homoj sen gepatroj, sen gefratoj al kiuj la kutima vivado ŝajnis tro malvasta, senbrila kaj sencela. Sur boatoj ili eliradis en la maron atakis japanajn kaj koreajn skunojn forrabis la akiron kaj disvendadis ĝin al ĥunhuzoj-aĉetistoj. En la arbaraj densejoj ili embuskis kaj atendadis la pacajn koreanojn kiuj en siaj blankaj vataj sakpantalonoj migradis por vintra sezono hejmen, kunportante akiritajn en la usuriaj arbaregoj oron, kuracan radikon « jenj-ŝenj » kaj kornojn de junaj cervidoj nomataj « panto. » Tio estis nomata ĉaso je « blankaj cignoj. » El tiuj-ĉi homoj formiĝis aparta bonhava klaso da estimataj urbanoj, kiuj tamen ne ĉesigis sian « metion. »

Kiam unu el Vladivostokaj prokuroroj ekinteresiĝis pri ilia agado, ili deklaris al li militiron. La prokuroro Buŝujev estis trovita mortigita sur la insulo Askold kaj la popoldiro persiste ligis tiun krimon kun la nomoj de entreprenemaj « ĉasistoj je blankaj cignoj » kaj tiuj de « maraj piratoj. »

Ĉion tion travivis Vladivostok, hela kaj pentrinda somere, malseka kaj nebula vintre, la kvindekjara Vladivostok.

La grandegaj magazenoj de firmo Kunst & Albers jam ne plu vendadas saketon da alumetoj kondiĉe ke la aĉetanto samtempe akiros volvaĵon da vestodrapo, skatolon da cigaroj, boteleton da parfumaĵo, du funtojn da teo kaj nurenbergan oleografiaĵon ; ĉiuj preskaŭ piratoj kaj arbaregaj ĉasistoj, kaptantaj « blankajn cignojn » malaperis. Sensigne forestas la « klubo de lancepupoj » kaj sur « Agla Nesto » kaj en la teatro « Pacifika Oceano » oni povas aŭskulti « Geiŝa » kaj eĉ la « Gajan vidvinon. » La 1905-1906 jaroj donis tian akran eksplodon de revolucia movado, ke dum ĝi kaj post ĝi preskaŭ la tuta Vladivostok fariĝis afero de fajroflamo. Malaperis porto-franko kaj kune kun ĝi la « liberaj fremdlandaj gastoj. » La enlandaj entreprenantoj maltrafis en siaj provoj.

Nun do el la malkvieta « Vespa Nesto » fariĝis nur... Vladivostok, regiona urbo kaj fortikaĵo.

R. J. Ellfder (*Del. Vladivostok*).

(1) Vidu *Esperanto*, No 94 kaj 95.

INDUSTRIO

## L'ekspozicio en Nanking

*(Daŭrigo)* (1)

La centran lokon okupas en la industria pavilono vitra montra fenestro, en kiu estas elmetitaj korpomodeliloj de sinjorinoj, vestitaj tute eŭrope per ŝtofoj senescepte en Ĥinujo fabrikitaj. La difino de ĉi-tiu elmetaĵo estas montri al la vizitantoj de l'ekspozicio la kapablecon de la lando kontentigi eĉ la bezonon de l'modo de l'elegantaj eŭropanoj.

La dua ne malpli granda fako de l'ekpozicio en Nanking estas pri instruado ; ĝi estas interesa kiel montrilo de nuntempa situacio de l'instruado kaj edukado de junaj filoj en la Subĉiela Imperio. Ĉi-tie estas reprezentitaj ĉiuj kategorioj de ĥinaj lernejoj : elementaj, mezaj, altaj kaj specialaj klerigaj institucioj. La elementaj lernejoj donis al la ekspozicio krom specimenoj de uzataj tie lernolibroj kaj lernejaj laboroj ankaŭ manlaboritaĵojn de siaj edukatoj konsistantajn el simplaj desegnaĵoj, infanaj laboritaĵoj el diverskolora papero, malkomplikaj modeloj de dometoj kaj diversaj figuroj el maldikaj bastonetoj, ligitaj inter si per fabosemoj k. t. p. La mezaj lernejoj prezentis laboraĵojn pli solide plenumitajn. Kiel en la elementa, tiel en la meza lernejo multe da atento estas dediĉita al la manlaborado. Tion oni vidas laŭ la elmetaĵoj kaj diversaj fotografaĵoj. Ĉiuj objektoj faritaj per la manoj de lernantoj, montras senriproĉan purecon kaj precizecon.

(1) Vidu *Esperanto*, No 94 kaj 97.

Tre interesa en la vivo de ĥina lernejo estas la demando pri la metodo de desegna instruado. Laŭ la donitaj desegnaĵoj de lernantoj oni povas juĝi kiom bone ili ellernis kiel la teorion de perspektivo, tiel eĉ la teknikon de l'desegnarto. La tuŝado estas plej parte perfektega kaj kelkaj desegnaĵoj de superaj klasoj miregigas per sia majstreco. Krom desegnaĵoj, faritaj per krajono kaj karbo, ni vidas ĉi-tie pentraĵojn, desegnitajn per akvarelo kaj oleokoloroj, el kiuj la plimulto prezentas kopiojn de eŭropaj pentristoj kaj neniom malsimilas la originalojn. Estas kelkaj pentraĵoj kiuj ilustras la naturon de Ĥinujo aŭ apartajn scenojn el la ĥina vivado; tiaj pentraĵoj neatendite mirigas per la realeco de la prezentataĵo kaj per la prospera kombino de l'koloroj, kaj nur la subskribo de ĥino-aŭtoro certigas ĝian ĥinan devenon. En ĉi-tiuj pentraĵoj tute forestas tiu specifa ĥina nuanco kiun ni kutime renkontas en la ĝis nuntempo aperintaj verkoj de simila speco. El diversaj lerniloj meritas atenton dismeteblaj modeloj de homa korpo kaj de partoj de ĝiaj organoj, skeleto, laŭ kiu estas instruata la anatomio kaj fiziologio; fizikaj kaj kemiaj iloroj, geografiaj maparoj kaj globusoj. Tre interesa kaj scienca prezentiĝas la kolekto de mapoj, figure vidigantaj la iom postioman kreskon de ĥina Imperio, komencante de ĝia apero dum la preskaŭ mitaj imperiestroj Jao kaj Ŝunj kaj finante per la lasta jaro de de regado de Guangsiuj, nun mortinta reĝo.

Knabinaj lernejoj elmetis grandan amason da diversaj manlaboraĵoj: trikitaĵoj, plektitaĵoj, kudraĵo, artaj floroj kaj kutimajn lernejajn skribajn ekzercaĵojn. Malgraŭ tio, ke la knabinaj lernejoj disvastiĝis en Ĥinujo nur dum la lastaj du jardekoj, tamen la sukcesoj ŝajnas esti jam tre grandaj, juĝante eĉ laŭ ĉi-tiu ekspozicio. *(Daŭrigota)*

R. J. Elleder, Del. Vladivostok.

KOMERCO

## Kooperativa vendo de ovoj (1)

De dek-kvino da jaroj oni fondis en Germanujo, Svisujo, Irlando, kaj precipe en Danujo, multajn societojn kooperativajn por kunigo de ovoj. En tiu lasta lando ekzistas pli ol 800 societoj de tiu speco, kun pli ol 70.000 membroj. Dank'al tiu kooperativa organizo la produktado kaj komerco de ovoj fariĝis grandega en Danujo, de 1904, jaro de kreo de la unua birda kooperativo.

Elspezoj de fondo estas malgravaj. Fakte, oni ne devas en tiu speco de societoj konstrui multekostan laborejon; iu ajn tenejo aŭ sufiĉe granda halo taŭgas por ricevo, kontrolo, pakigo de ovoj.

La organizo de tiuj societoj estas fondita precipe laŭ la sekvantaj reguloj. Konforme al statuto, la societanoj devas liveri siajn ovojn, freŝajn de lasta kunigo, stampitajn kun ilia enskrib-numero, apartigitajn en tri dimensioj. La membroj promesas liveri al la societo ĉiujn ovojn de sia rikolto, escepte la kvanto necesa al ilia familia konsumo; ili tamen povas cedi al siaj najbaroj, sed sub kontrolo de administracio. La estonteco de la societo kaj ĝia sukceso dependas de severa apliko de tiuj ordonoj; monpuno kaj eĉ forstreko estas antaŭviditaj por la neobeantoj. La ovoj estas kunigitaj de speciala societa komizo, en vilaĝoj kiuj formas regionon. La ovoj portantaj ordo-numeron de societano estas apartigitaj laŭ tri dimensioj kaj pakataj zorge en korbetoj provizitaj de la kooperativaj societoj; ili estas transdonataj al kunigisto je fiksita loko, tago kaj horo. La enhavo de l'korbetoj estas kontrolata ĉe l'alveno en la societa magazeno. Rigardisto-pakisto kontrolas la indikojn kaj freŝecon de l'ovoj, poste pakigas ilin. Bona rigardisto-pakisto povas ekzameni 800-1.000 ovojn hore. Cetere oni en la lastaj jaroj konstruis specialajn malkarajn maŝinojn, kiuj multe faciligas la ekzamenadon kaj klasigon. La ovoj juĝataj malbone klasigitaj de societano estas remetataj en sian veran serion; la nefreŝaj estas resendataj al li; en okazo de rekulpo la administrantaro povos uzi la sankciojn de la statuto. La ovoj apartigitaj kaj rigarditaj estas pakataj en kestoj borderataj; la unuformeco de la unuoj de ovoj bone klasigitaj, de sama dimensio, reduktos al minimumo la rompojn pro la manuzo kaj transporto, kio estas ŝatinda por la klientaro.

Resume, tiuj agoj, kiuj baziĝas sur la reciproka konfido de societo kaj societanoj, estas simplaj kaj malkaraj. La rezultatoj, ricevitaj de la unue fonditaj kooperativoj, estas promesplenaj; ili montras kian profiton povas alporti la racia ekspluato de ofte tro nezorgitaj produktoj.

Trad. V. M.

(1) El Revista Universal.

GEOGRAFIO

## La Atajaloj

La japana insulo Formozo enhavas nuntempe indiĝenan loĝantaron, kiu dispartiĝas je sep grupoj; la plej grava el ili estas la Atajaloj. Tiu popoleto (10.000 personoj proksimume) okupas la du deklivojn de la mezinsula montaro, de la provinco Giran norde ĝis la 24-a grado de norda latitudo. Altkreskaj, fortikaj, la Atajaloj vivas ĝenerale en vilaĝetoj el kelkaj bambuaj kabanoj; ilia religio estas la kulto al la praŭloj.

La virinoj havas la taskon kulturi la milion kaj patatojn, precipajn nutraĵojn, kiuj post rikolto estas amasigataj en sur fostoj konstruitaj tenejoj; ankaŭ la virinoj kulturas la ramion, el kiu estas teksataj senmanikaj kiteloj, sola vestaĵo de tiu gento.

La viroj malestimas la manlaboradon; ili okupiĝas preskaŭ nur per milito kaj ĉaso, precipe ĉaso al la homaj kapoj; ĉar neniu rajtas pretendi je edziĝo, nek partopreni en la komando, nek fariĝi ĉefo antaŭ ol li detranĉis almenaŭ unu kapon.

Facile estas kompreni, ke la najbareco de la Atajaloj konstante minacas al la multaj laboristoj, kiuj en la arbaroj proksimaj al la limo de la submetita lando rikoltas kaj distilas la kamforon; tial la japana registaro organizis ĉirkaŭ la Atajala teritorio realan gardadon per blokhaŭzoj (fortikaĵetoj) defendataj de indiĝena soldata polico sub la komando de japanaj suboficiroj kaj oficiroj. La linio de tiuj blokhaŭzoj etendiĝas de Soo sur la Pacifika Oceano ĝis la vilaĝo Polisia en la centro de la insulo. Ĝi protektas kontraŭ la atajaloj la laboristojn, plimulte el Ĥinujo venintajn, kiuj ekspluatas la arbarajn riĉaĵojn en la okcidenta parto de la nova japana kolonio. H. Froidevaux.

IDEOJ & FAKTOJ

## La Feminisma movado en Francujo

Oni multe parolis kaj ankoraŭ parolas pri la rimarkinda energio per kiu la anglaj virinoj penadas por ricevi la politikajn rajtojn.

Kvankam en Francujo la feminisma movado ne atingis ĝis nun tian potencon, kian ĝi havas en Anglujo, ĝi tamen ĉiutage pligraviĝas kaj estas kondukita de kelkaj tre lertaj kaj tre prudentaj virinoj. Tiu movado jam naskis plurajn feministajn asociojn, el kiuj unu el la plej gravaj estas « L'Union Française pour le Suffrage des Femmes » (franca Unuiĝo por Voĉdonrajto de la virinoj). Tiu unuiĝo havas grupojn en multaj lokoj, eldonas propragandajn broŝurojn kaj sendas talentajn paroladistinojn en ĉiujn grandajn urbojn. Tial, ni havis la grandan plezuron aŭskulti, en

Dijon, antaŭ kelkaj semajnoj, l'advokatinon S-inon Maria Vérone, kiu per konvika elokventeco kaj pikanta ironio, plej klare prezentis antaŭ entuziasma plenega ĉambrego, la esencajn ideojn kaj principojn de la franca feminisma movado.

La virinoj volas havi voĉdonrajtojn pro justeco. La Deklaro de la Rajtoj de l'Homo de 1789 diras:

« Art. 13. — Por la konservado de la armeo kaj por la administraj elspezoj, komunaj impostoj estas necesaj ; ĝin devas pagi egale ĉiuj *civitanoj* ĉiu laŭ sia povo.

« Art. 14. — Tiuj *civitanoj* havas rajton konstati, per si mem aŭ per siaj reprezentantoj la necesecon de la publikaj impostoj, ilin libere konsenti, observi kiel ili estas uzataj, kaj fiksi por ili la kiomon, la ekvilibron, la pagmanieron kaj la daŭron. »

En la unua art. 13, en kiu estas parolite pri pagado, la vorto civitano signifas egale *viro* kaj *virino*. Sed en la art. 14, en kiu estas parolite pri konsento, kontrolo, la vorto civitano signifas nur *viro*. Tiuj interpretoj de la teksto, malsimilaj laŭ la cirkonstancoj, daŭris dum ĉiuj regadoj jam de cent dudek jaroj ; oni devos ĝin ĉesigi.

La virinoj bezonas voĉdoni por defendi siajn interesojn. Ĉu estas juste ke, laŭ la stranga ekzemplo donata de la registaro mem, la administracioj aŭ privatuloj konsentu al la virinoj, por sama laboro, salajron pli malgrandan ol al la viroj? Ke, en familio, la patro, eĉ maldigna, posedas sola la patran aŭtoritaton ? Ĉu estas juste ke edziniĝinta virino ne povas mem administri sian propran havajon, subskribi komercan kontrakton ? Ke la speciale « pormora polico » liveras milojn da virinoj al la administracia bonplaĉo? Ke la priserĉoj pri patreco estas malpermesataj ?

La socio bezonas la virinan voĉdonrajton. Por la virinoj ofte pli ol la viroj la sociaj demandoj estas interesaj ; pli facile ol la viroj, ili forlasos la pure politikan bataladon, por zorgi pri la reformoj kiuj por ili estas plej gravaj, nome : asistado, higieno, publika sanigado, materiala kaj morala protektado de infanoj, ĝenerala kaj profesia instruado, kaj ĉefe, kontraŭalkoholaj leĝoj.

La ĉefaj argumentoj kontraŭ la voĉdonrajto de la virinoj estas ne seriozaj. Kelkaj opinias ke feminista agitado malhelpos la penadojn de tiuj, kiuj deziras reformojn utilajn por virinoj. La feministoj respondas ke la vere utilajn reformojn naskas ne kompatemo, sed justeco. Aliaj ripetadas, ke virino devas restadi en sia hejmo. Sed oni ne sufiĉe atentas ke multaj virinoj, fraŭlinoj, vidvinoj, eksedzinoj, forlasitinoj, ne havas hejmon. Ankaŭ milionoj da virinoj devas forlasi sian hejmon por labori ekstere kaj gagni sian vivon : la hejmo ne estos pli multe forlasata tial ke la virinoj devos voĉdoni unu fojon ĉiujare. La virinoj ne faras militan servadon, rebatas aliaj. La respondo estas, ke estas neniu rilato inter milita servado kaj voĉdonrajto; ĉu de la malsanuloj kiuj ne faras militservadon, oni forprenas la voĉdonrajton ? Tute male, ĝuste tiuj viroj kiuj estas soldatoj aŭ oficiroj ne havas voĉdonrajton. Kaj, diras Maria Vérone je entuziasmaj aplaŭdoj, se la viroj iafoje riskas danĝerojn sur la batalkampoj, estas por doni morton, dum la virinoj ne malpli ofte ankaŭ riskas danĝerojn, por plenumi sian propran, senkompare pli noblan socian rolon, t. e. por doni vivon. Fine, lasta argumento, la virinoj ne konas la politikajn aferojn. Ĉu do oni postulas de la viroj specialan politikan kompetentecon? Ĉu voĉdonrajton ne havas ankaŭ, malŝparuloj, bankrotintoj, malkleruloj, alkoholuloj? Se nun la virinoj ne havas rajton sin okupi pri la politikaj aferoj, tio ne signifas ke ili ne havos intereson en tio; kiam ili havos tiun rajton, ili devos instruiĝi kaj pliklerigi pri sociaj aferoj.

Memoriginte la progresojn jam faritajn de feminismo en aliaj landoj F-ino Maria Vérone konkludas jene: La virinoj havas la devon uzi la rajtojn kiujn ili jam havas t. e. partopreni en la Instruaj Departementaj Konsilantaroj ; en la Supera Konsilantaro de la Publika Instruado ; en la Laboraj Konsilantaroj kaj en la Supera Labora Konsilantaro ; en la Arbitraciaj Juĝistaroj ; voĉdoni por la juĝistoj de la Komercaj Tribunaloj kaj de la membroj de la Komercaj Ĉambroj kaj Konsultaj Ĉambroj.

Ili devas unuiĝi super ĉiuj religiaj aŭ politikaj opinioj por ricevi novajn rajtojn. Ili en tio tute ne laboras kontraŭ la viroj : tute male, ili ja volas labori kun ili, helpataj de ili en tiu batalo, por la pli granda bono de la familio kaj de la Socio.

Por pli facile sukcesi ili devas klopodi metode kaj almiliti unu post la alia la politikajn rajtojn. Por komenci S-ro Dussaussoy faris en 1906 jenan leĝproponon : « La virinoj partoprenas en la balotado de la membroj de urbaj, arondismentaj (1) kaj departementaj konsilantaroj laŭ la kondiĉoj leĝe fiksitaj por la uzado de tiu rajto por ĉiuj francoj. La virinoj estas enskribitaj en la listojn de balotantoj laŭ la samaj reguloj. » La Komisiono por la ĝenerala voĉdonrajto, aprobis unuvoĉe tiun proponon, aldonante la baloteblecon al la balotrajton.

La parolado de S-ino Maria Verone havis en Dijon, kiel antaŭe en aliaj urboj plej grandan sukceson. Kun tiaj batalantinoj, kleraj kaj prudentaj kun siaj tre moderaj kaj saĝaj postuloj, la feminismo sin prezentas kiel io serioza kaj subteninda. En tiaj kondiĉoj U. E. A. povas nur deziri al ĝi baldaŭan venkon. L. kaj R. (Dijon).

## Aziloj por Infanoj

La kulturaj socioj pli kaj pli komprenas, ke la plej saĝa kaj racia maniero bonfaradi al la malriĉaj klasoj estas antaŭzorgi ilin per moraligo de la junaj individuoj, prefere ol krei grandelspeze resanigejojn, plibonigajn institutojn, kadukulejojn, senhejmulajn azilojn, k. t. p. ; el tiu logika ideo venas la ĉiam grandiĝanta intereso al la infanoj ne sufiĉe zorgataj. La buĝetoj de landoj, ŝtatoj kaj komunumoj de okcidenta Eŭropo dediĉas grandajn sumojn al tiu fako de publika bonfarado, kiu plie enspezis el fondajoj kaj testamentaj donacoj de privatuloj.

Ni citu kelkajn ciferojn rilate al bonfarema zorgado en grandaj urboj. Parizo multe elspezas el komunuma mono por vivteno kaj praktika klerigo de 50.000 forlasitaj infanoj, Berlino por ĉirkaŭ 7.000, Desdeno 3.000, Varsovio 3.000, Kopenhago same, k. t. p. Inter privataj fondajoj ni povas nomi en Berlino la « Schmidt Gall'isch Stiftung » por suĉinfanoj. De tiu fondajo la urba administrantaro direktas en la diversaj kvartaloj 7 filiojn tiel nomatajn « Guto da lakto ». Ankaŭ por junaj estuloj ekzistas en München la fondajo de barono Poschinger kaj en Varsovio la fondajo de Staszyc.

Ĉar granda estis la mortado de tute junaj infanoj en diversaj regnoj, oni sentis sin devigata zorgi speciale pri tiu plej delikata parto de « homa materialo ». En Anglujo, Danujo kaj Svisujo atingis mortado 13 %, en Francujo, Nederlando, Belgujo 14 %, en Italujo 17-18 %, en Germanujo 20 %, en Aŭstrio 21 %, en Galicio ĝi atingis en 1900 22,9 %, en 1901 20 %, en 1902 21,8 %, en 1903 20,5 %, en 1904 20,1 %, En Varsovio 19,3 % de novnaskitoj mortis en 1906, kaj dum la lasta dekjaro tiu procento estis meze 18,07 % ; ĝi estis en Lwowo dum la sama periodo 17 % ; en Krakovo, dum la lastaj sep jaroj, la proporcio estis 14 %. En landoj, kie la suĉinfanoj estas nutrataj preskaŭ ekskluzive de patrina lakto, la mortado estas malgranda ; sed kiam oni anstataŭigas tiun naturan nutrajon per nenatura, rezultas malsanoj de digestorganoj kaj sekve senforteco ofte mortiga ; tion pruvas kuracistaraj statistikoj.

La dua kaŭzo de granda mortproporcio estas manko de

(1) *Arondismento* estas administra distrikto de francaj departementoj.

elementaj scioj pri flegado kaj ĝenerala zorgado de suĉinfanoj, precipe ĉe la malaltaj sociaj klasoj.

Tion kompreninte, la okcidentaj landoj agis por malpliigi ambaŭ danĝerojn ; ili celis, unue, havigi al suĉinfanoj senigitaj de patrina mamo, artefaritan nutraĵon kapablan anstataŭi la naturan ; aliflanke, ili penis instigi la patrinojn al nutrado de siaj infanoj kaj popularigi la sciojn pri moderna higieno de la novnaskitoj.

Por tiuj celoj estas fonditaj en Francujo la unuaj institutoj « Guto da lakto », kiuj tre rapide disvastiĝis ne nur en tuta Francujo sed poste en la okcidenta parto de Eŭropo. Ni ekzamenu iom detale tiun institucion, kiu faras tiel gravajn servojn al la homidoj.

Ĝi devas agi laŭ du supre citataj direktoj. Ofte okazas, precipe en malriĉaj klasoj ke freŝe naskita infano estas forigita de la patrina mamo ; la kaŭzo estas aŭ morto aŭ malsano de la patrino, kelkfoje la malliberigo de ŝi mem aŭ vola forlaso de sia infano ; ofte ankaŭ, ŝi ne povas nutri la infanon simple pro tio, ke ŝi devas unue zorgi pri la perlaboro de la vivo. Tial sin okupas pri la etulo parencoj, najbaroj aŭ aliaj kaj komenciĝas artefarita nutrado « per boteleto », t. e. per aĉetita lakto. Kia estas tiu lakto, kiom da malsanigaj bakterioj ĝi entenas, ne necesas paroli. Sufiĉe, ke baldaŭ rezultas malsano kaj morto. Rimedon alportas la « Guto da lakto », kies tasko estas liveri lakton liberan de malutilaj elementoj.

La *higienan lakton* la instituto ricevas tenante propran bovinejon aŭ kontraktinte kun privatulo pri aranĝo de tia bovinejo. La rasaj bovinoj, prove vakcinitaj per tuberkulino por konvinkiĝi pri ilia saneco, restas en stato plej eble pura, ricevas unuakvalitan nutraĵon, plej multe da fojno kaj montherbaro. La lakto estas traktata en diversaj speciaĺaj maŝinoj kaj ujoj, enverŝata en taŭgaj, hermetike fermataj boteletoj.

Ĉiutage je difinita horo, lakto estas donata de la instituta kuracisto al si kun infanoj konigintaj zorgantinoj kaj nutrantinoj, kun klarigoj pri uzado de lakto laŭ kvanto responda al la pezo de l'infano. — *(Daŭrigota)*.

J. Makara (Galicio).

## La vivo en haremo

La Usona verkistino Jack Gouraud, kiu antaŭ kelkaj semajnoj, eldonis gravan verkon pri la Hindoj, povas sin glori esti vivinta du monatojn en la haremo de Hinda princo ; ne kiel rapidema vizitantino ŝi konsideris tiun misteran institucion, ŝi mem travivis la vivon, la ĝojojn kaj la suferojn de la haremvirinoj, por havi vere fidelan bildon pri la situacio de tiuj orientaj virinoj, kiu al la Eŭropanoj estas kaŝata per sekretplena vualo. En interesa artikolo, kiu aperis en Usona revuo, ŝi konigas siajn observojn kaj detruas la fantaziajn ideojn, kiujn forĝas al si la Eŭropanoj pri orienta haremo.

La haremo estas io alia, ol kolekto de belaj, amindaj virinoj ; en tiuj anguloj kaŝataj for de l'mondaj rigardoj estas pli multe da maljunaj ne belaj virinoj ol da belaj vizaĝoj, kaj la haremaninoj estas neniel edukataj speciale por altiri la favoron de sia mastro ; estas inter ili preskaŭ nenia rivaleco. La haremo estas simple la familio de l'Maharaĝa'o, familio kiu honoras lin kiel patron kaj kiun li devas akcepti tiel same kiel la tronon kaj regadon. Li ja povas, se tio al li plaĉas, pligrandigi la nombron de la haremvirinoj, sed ne povas forpeli tiujn virinojn, kiuj estas al li malsimpatiaj. Tiel okazas, ke la edzinoj de la orienta princo estas kutime nur malplimulto en la haremo, kiu konsistas pligrandparte el onklinoj, parencinoj, el la patrinoj de iliaj duonfratinoj kaj ofte el iliaj propraj patrinoj kaj avinoj. Forpasis la malnovaj tempoj, kiam la herooj alportis kiel trofeojn al sia princo la plej belajn virinojn de la venkita malamiko, kaj la maniero, kiel nun juna virino estas akceptata en haremon, havas plu nenion de tiu antaŭa romantiko, kiu ŝvebis super tiuj virinejoj.

Nur io restis : la severa apartigo de la haremaninoj kaj ilia mallaboro. La flego de ilia propra korpo estas la sola enhavo de l'tago. La matenbano. la plej grava parto de la taglaboro, estas ceremonio kiu daŭras almenaŭ du horojn ; poste komenciĝas la tualeto. La ĉefa laboro estas prizorgata de masaĝistino, sed Eŭropano ne povas prezenti al si ĝis kia perfekteco la Oriento disvolvis la korpflegadon. Estas arto, kiu herediĝas de patrino al filino, arto delikata kaj subtila pli ol ordinara masaĝo. La frotado estas plenumata kun la helpo de kostaj parfumitaj oleoj, kiuj pleniĝas la ĉambrojn per peza vaporo de plaĉaj bonodoroj. Kiel la Eŭropaj virinoj sin prefere beligas por vespera ĉeestado en societo, tiel same la Orientulino por la senlabora malpleno de l'tago. Sed la arto de la ĉambristino sin ne limigas al la masaĝado kaj ŝmirado ; kiel la modaj sinjorinoj de l'Okcidento plibonigas la koloron de sia vizaĝo per sperta mano, tiel same la Orientulino flegas ĉiun membron de sia korpo. Kiam ĉio tio estas finita, la plej bela parto de la tago forpasis.

Kaj nun, ĉu la Orientulino povas montri la fruktojn de sia korpflegado ? Estas tie neniu, kiu povas ilin admiri kaj restas nur unu okazo, kiu interrompas la unutonecon de l'tago, nome la manĝo. Oni manĝas pro enuo, oni manĝas ĉar oni povas nenion alian fari. Efektive, korpa movado, kaj restado en freŝa aero estas malpermesataj al la haremanino. Havante flanke de si pokalon de frandaĵoj kaj trinkaĵoj, ŝi tie kuŝas rigardante senmove la fumon de sia cigaredo aŭ la francan romanon, kiu estas sur tabureto. Nur de tempo al tempo vizito al la magazenoj interrompas tiun malagadon. Sed kiam ili alproksimiĝas, la mastro de la bazaro devas rapide forigi la ĉeestantajn klientojn, ĉar neniu fremdulo rajtas esti en la magazeno, kiam la haremvirinoj tie aĉetas.

Ilia preferata okupo restas la ludo per eburŝtonoj kun rubenoj kaj smeraldoj, kiujn oni lasas gliti tra la mano kaj rigardas fali en arĝentajn pokalojn. « Kvar tagojn mi elportis tiun vivon, rakontas la esplorintino ; poste potenciĝis en mi spirito de protesto. Mi estis promesinta al mi travivi la vivon de tiuj virinoj dum dek-kvar tagoj. Mi dormis kun ili en la parfumitaj ĉambretoj, kiuj pezigas la spiron kaj banis, sed dum la tagmezo mi devis eliri, mi devi vidi homojn kaj paroli. Se tio estus al mi malpermesita, min kaptus la frenezo. Sed tiuj virinoj ne freneziĝas : ili vivas kaj revas kaj banas kaj dormas, ĝis la morto ili elprenas de la haremo ».

Trad. (1). A. R.

NOTOJ

*1-7 majo.* — Internacia birdokultura ekspozicio en Torino.

*5-14 majo.* — Internacia gimnastika konkurso en la ekspozicio de Torino.

*13 majo-15 julio 1911* en Antwerpen, internacia ekspozicio de la malgranda ilaro.

*15-20 majo.* — Internacia florkultura ekspozicio en Torino.

*21 majo.* — Forflugado de la aeroplanoj por la aerveturado de Parizo al Madrido.

*28 majo.* — Forflugado par la aerveturado de Parizo al Romo. Pli ol 200.000 $ da premioj.

*Majo.* — Dum monato majo okazos, en Saint-Petersbourg, internacia aeronaŭtika ekspozicio, speciala parto de granda industria ekspozicio.

*Majo-junio*, en Budapest, internacia ekspozicio de novaĵoj kaj eltrovaĵoj pri la fera industrio kaj meĥanikaj konstruaĵoj.

(1) Laŭ New-York'a Ŝtat-gazeto.

# ◦ LITERATURA PAGÔ ◦

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

de W. v. GŒTHE

Trad. P. USINGER

« Kara fonto » mi diris « de tiu tempo mi ne ripozis plu ĉe via malvarmeto, rapide pasante mi ofte ne rigardis vin ». — Mi rigardis malsupren kaj vidis, ke Amanjo kun glaso da akvo venis supren. — Rigardante Ĥanjon mi sentis ĉion, kion mi havas je ŝi. Dume Amanjo venis kun glaso. Manjo volis forpreni ĝin al ŝi. « Ne », vokis la infano kun dolĉega esprimo « ne, Ĥanjo, vi trinku unue ! » — Pri la veremo, pri la boneco, per kiu ŝi ekkriis tion, mi estis tiel ravata, ke mi povis esprimi mian sentaĵon nur per tio, ke mi levis la infanon de la tero kaj pasie kisis ĝin, kiu tuj komencis krii kaj plori. — « Vi agis malbone », diris Ĥanjo. — Mi estis konsternita. — « Venu, Amanjo », ŝi daŭrigis prenante ŝin ĉe la mano kaj kondukante ŝin malsupren « jen rapide lavu vin apud la freŝa fonto, rapide, tiel ne malutilos ». — Kiam mi vidis, kun kia diligenteco la malgrandulino frotas la vangojn per siaj malsekaj manetoj, kredante, ke per la mirfonto estus forlavataj ĉiu malpuraĵo kaj la malhonoro ricevi malbelan barbon, kiam Ĥanjo diris : « Sufiĉe » kaj la infano tamen lavadis sin diligente, kvazaŭ multo farus pli ol malmulto, — mi diras al vi, Vilhelmo, ke neniam mi ĉeestis baptoceremonion kun pli da respekto. — Kaj kiam Ĥanjo suprenvenis, mi volonte estus jetinta min teren antaŭ ŝi kiel antaŭ profeto, kiu benante forigis la pekojn de sia nacio.

Vespere en la ĝojo de mia koro mi rakontis la okazintaĵon al viro, kiun mi opiniis kapabla je kono de la homoj, tial ke li estas prudenta ; sed kiel mi eraris ! Li diris, ke ĝi estas malbone farita de Ĥanjo, ke oni devus nenion trompeme diri al la infanoj, ke ĝi kaŭzus sennombrajn erarojn kaj superstiĉon, kontraŭ kiu oni devus frutempe gardi la infanojn. — Jen mi ekmemoris, ke la viro igis bapti antaŭ semajno, tial mi preterlasis ĝin kaj en mia koro restis fidela al la vereco : Ni devas trakti la infanojn same kiel Dio nin, kiu faras nin plej feliĉaj, lasante nin vivi en bela revo.

La 8-an de julio.

Kia infano oni estas ! Kiom oni avidas tian rigardon ! Kia infano oni estas ! — Ni estis irintaj Wahlheim'on. La sinjorinoj veturis eksteren, kaj dum niaj promenadoj mi kredis en la bluaj okuloj de Ĥanjo. — Mi estas malsaĝulo, pardonu min ! Vi vidu ilin, ĉi tiujn okulojn ! — Resume (ĉar miaj okuloj fermiĝas pro dormo) ; jen la sinjorinoj enveturiĝis, ĉe la fiakro staris la juna V..., Selstadt kaj Aŭdran kaj mi. Oni babilis de el la fiakro kun la junuloj, kiuj sendube estis sufiĉe facilanimaj kaj petolaj. — Mi serĉis la okulojn de Ĥanjo ; ve ! ili iris de unu al alia ! Sed al mi ! mi ! mi ! kiu sola sindoneme rigardis al ŝi, ili ne ekvidis ! — Mia koro milfoje adiaŭis ŝin ! Tamen min ŝi ne vidis. La kaleŝo preterveturis, kaj larmo estis en mia okulo. Mi postvidis ŝin kaj vidis la kapornamaĵon de Ĥanjo eksteren kliniĝantan kaj ŝi turnis sin por vidi, ĥo, al mi ? — Karulo, en tia necerteco mi estas. Jen mia konsolo ! Eble ŝi rigardis malantaŭen al mi ! Eble ! — Bonan nokton ! Ho, kia infano mi estas !

La 10-an de julio.

Vi devus vidi la naivegan figuron, kiun mi faras, kiam en la rondo mi parolas pri ŝi ! kiam oni eĉ demandas min, kiel ŝi plaĉas al mi — Plaĉas ! Tiun-ĉi vorton mi malamegas. Kia homo devas esti tiu, al kiu Ĥanjo plaĉas, al kiu ŝi ne okupas ĉiujn sentojn ! Plaĉas ! Antaŭ nelonge iu demandis min, kiel plaĉas al mi *Ossian !* (1).

La 11-an de julio.

Sinjorino M... fartas tre malbone ; mi preĝas por ŝia vivo, ĉar mi suferas kun Ĥanjo. Mi vidas ŝin malofte ĉe mia amikino, kaj hodiaŭ ŝi rakontis al mi strangan okazaĵon. — La maljuna M... estas troŝparema, monama avarulo, kiu tre turmentis kaj limigis sian edzinon en la vivo ; tamen la edzino ĉiam sciis kion fari. Antaŭ kelkaj tagoj, kiam la kuracisto diris, ke ŝi mortos, ŝi venigis sian edzon (Ĥanjo estis en la ĉambro) kaj jene ekparolis al li : « Mi devas konfesi al vi aferon, kiu post mia morto povus fari konfuzon kaj ĉagrenon. Mi ĝis nun mastrumadis kiel eble plej orde kaj ŝpareme ; sed vi pardonos, ke mi trompis vin en tiuj ĉi tridek jaroj ; komence de nia edzeco vi determinis ion malmultan por la kuirejo kaj aliaj mastrumaj elspezoj. Kiam nia mastraĵo fariĝis pli ampleksa, vi tute ne konsentis plimultigi proporcie mian semajnan mastrummonon ; mallonge, vi scias, ke, dum ĝi estis plej granda, vi postulis, ke sep guldenoj sufiĉu por la semajno. — Tiujn mi akceptis, nenion kontraŭdirante, kaj prenis ĉiusemajne la plion el la kaso, ĉar neniu supozis, ke la edzino ŝtelas. Mi malŝparis nenion kaj, ne konfesinte tion, tamen sentime estus irinta en la eternecon, se tiu, kiu post mi devos mastrumi, scius, kion fari kaj ĉar vi ĉiam povus persisti, ke ĝi sufiĉis al via unua edzino. »

Mi parolis kun Ĥanjo pri la nekredebla blindeco de la homa intelekto, ke iu konjektos nenion, kiam sep guldenoj sufiĉas, dum oni vidas duoble pli grandan elspezon. Tamen mi mem konis homojn, kiuj estus akceptintaj la ĉiamplenan olekruĉeton de la profeto (2).

La 13-an de julio.

Ne, mi ne trompas min ! Mi legas en ŝiaj nigraj okuloj veran kunsenton kun mi kaj mia sorto. Jes, mi sentas kaj pri tio mi povas fidi al mia koro, ke ŝi — ho ĉu mi estas permesita, ĉu mi povas elparoli la ĉielon per tiuj ĉi vortoj — ke ŝi amas min !

Amas min ! — kaj kiel inda je mi mem mi fariĝas, kiel mi — al vi mi povas diri ĝin, vi komprenas tion — kiel mi adoras min mem, de kiam ŝi amas min !

Ĉu tio estas aroganteco aŭ sento de la vera rilato ? — Mi ne konas la homon, de kiu mi timus ion en la koro de Ĥanjo kaj tamen — kiam ŝi parolas pri sia fianĉo, parolas pri li kun tia amo — tiam mi sentas same kiel iu, al kiu oni forprenas ĉiujn honorojn kaj rangon kaj spadon.

La 16-an de julio.

Ha, kiel ĝi ruliĝas al mi tra ĉiuj vejnoj, kiam mia fingro hazarde tuŝas ŝian, kiam niaj piedoj interrenkontas sin reciproke sub la tablo ! Mi retiras kiel de fajro, kaj magia forto ree tiras min antaŭen — Ho, kaj ŝia ĉasteco, ŝia senmakula animo ne sentas, kiom la malgrandaj intimaĵoj turmentas min ! Kiam eĉ ŝi metas parolante sian manon sur mian kaj en fervoro pli alproksimiĝas al mi, tiel ke la ĉiela spiro de ŝia buŝo povas atingi miajn lipojn — mi kredas perei kiel de fulmo batita, — kaj, Vilhelmo, se iam mi maltimus, tiun ĉi ĉielon, tiun ĉi konfidon — Vi komprenas min. Ne, mia koro ne estas tiom difektita. — Malforte ! sufiĉe malforte ! — kaj ĉu tio ne estas ruiniĝo ?

Ŝi estas kultinda por mi. Ĉiu avido silentas en ŝia ĉeesto. Mi neniam scias, kiel mi sentas, estante ĉe ŝi ; estas, kvazaŭ mia animo renversiĝus en ĉiuj nervoj. — Ŝi havas melodion, kiun ŝi ludas sur fortepiano kun la forto de anĝelo, tiel simple kaj tiel sprite ! Ĝi estas ŝia favorkanto, kaj min ĝi

(1) Ossian estas skota (gelika) poeto. Rim. de la trad.

(2) Goethe aludas la biblian rakonton pri la profeto Elias en I reĝ. 17. Rim. de la trad.

kuracas de ĉiu turmento, konfuzo kaj ĥimero, se nur ŝi ludas la unuan noton.

Neniu parolo de magia forto de la antikva muziko ŝajnas al mi nekredebla. Kiel la simpla kanto tuŝas min! Kaj kiel ŝi scias uzi ĝin, ofte en tempo, kiam mi dezirus enpafi kuglon en mian cerbon. La eraro kaj mallumo de mia animo disiĝas kaj denove mi spiras pli libere.

La 18-an de julio.

Vilhelmo, kio estas en mia koro la mondo sen amo! Kio estas magia lanterno sen lumo! Apenaŭ vi enmetas la lampeton, jen ekaperas la multkoloraj figurajoj sur via blanka tuko! Kaj se ĝi estus nenio krom tio, krom preterpasantaj fantomoj, ĝi tamen faras nian feliĉon, kiam ni staras antaŭ ĝi kiel knaboj kaj ĝojas pri la magia aperajo.

*(Daŭrigota).*

# TRA
LA
# ESPERANTA LITERATURO

Mensogas la titolo de tiu ĉi *literatura* paĝo. Ĉar hodiaŭ (pardonu al mi!) mi traktos gramatikajn verkojn kaj iom abstraktajn demandojn.

Du priteoriajn broŝurojn mi lasttempe ricevis: de S-ro Antido, **kiu estas la logika senco de l'vorto « grando »?** (Konkurso), de S-ro Ĉefeĉ, **la Elementoj kaj la Vortfarado** (Warnier, 15, rue Montmartre, Paris: Sm. 0,75.)

∴

Mi ne intencas detale diskuti la tutan broŝureton de S-ro Antido, sed nur elĉerpi kaj kritiki kelkajn ideojn, kiuj, laŭ mia opinio, estas unuj aprobindaj (ĉar konformaj al la Fundamento kaj al la spirito de nia lingvo), aliaj malbonaj, ĉar ili flankeniĝas el la — tamen larĝega kaj profundega — fundamenta sulko.

Ŝajnas aj mi ke, en siaj unuaj esploroj pri la idista sistemo, S-ro A. sin lasis forlogi kaj iomete enŝlimiĝi en la marĉon de la « renversebleco kaj derivado », sed iom post iom, diskutadante, li elkotiĝas sin kaj pli kaj pli liberiĝas. Ĉu ni rajtas esperi, ke baldaŭ li konkludos, ke Esperanto ne bezonas tiom da klarigoj (por tiuj, kiuj havas okulojn, sed ne volas vidi) kaj ke lingvo, kiu preskaŭ senregule, sengramatike, senteorie tiel universale disvolviĝis, plene solvas la problemon de vere internacia neŭtrala lingvo?

∴

En la sekvanta maniero S-ro A. resumas la « plenan » teorion de vortkonstruo en Esperanto: *a)* nevariebleco kaj sendependeco de la diversaj elementoj; *b)* hierarĥio de la ideoj; *c) klasado* de la radikoj; *d)* principo de neceso kaj de sufiĉo.

Mi tute ne aprobas la « klasadon » de la radikoj. Tiu klasigo, kiun ĝis nun ne bezonis la Esperantistoj, estus malutila, kaj la Akademio farus malprudentan paŝon, se ĝi oficiale akceptus la Antidan proponon por nova eldono de l'Universala Vortaro. Tiu klasigo enkatenigus la lingvon, deprenus el ĝi multe da ĝia facileco, fleksebleco, flugileco kaj internacieco. La parolanto kaj verkanto ĉiuminute devus sin turni al la Akademia vortaro por certiĝi, ke tiu aŭ alia radiko estas ĉu substantiva, ĉu adjektiva, ĉu verba, simile al aviadisto, kiu bezonus ĉiukilometre alteriĝi por esplori sian motoron.

Tre prave diras S-ro A., ke ĉiu vorto, en nia lingvo, estas sendependa konstruaĵo, kies senco estas fiksata per ĝia propra enhavo kaj ne per aprioriaj reguloj de derivado. Sed tiu difino ne estas kompleta; oni devas aldoni: *ankaŭ ne per vortara klasigo.*

∴

S-ro Ĉefeĉ estas unu el la teoriistoj, kiuj plej objektive kaj internacie, kaj samtempe plej laŭfundamente, konsideras la Esperantan lingvon. Efektive, multaj lingvistoj, malgraŭvole influatiĝas de sia nacia lingvo kaj ne povas sin plene liberigi el nacilingvaj antaŭjuĝoj.

Se ni esploros sub la lerta direkto de S-ro Ĉ. la U. V., ni rimarkos, ke oni povas dividi ĝian materialon en du partoj: 1e la *vortoj* memstaraj, kiuj valoras per si mem, eĉ sen aldono de ia finiĝo nek sufikso (artikolo, pronomoj, nombroj, prepozicioj, konjunkcioj, adverboj, partikloj kaj interjekcioj): t. e. proksimume 150 *vortoj*. 2e *Radikoj*, kiuj per si mem ne estas *vortoj*; ili estas nur « bazideoj », kaj fariĝas *vortoj* nur post almeto de minimumaj finiĝoj: o, a, i, e, kiuj igas ilin substantivoj, adjektivoj, verboj, adverboj.

Antaŭ tiu vortigado, ĉiuj tiuj radikoj devas esti konsiderataj (laŭ mia opinio) kiel naŭtralaj kaj eĉ abstraktaj. « En Esperanto ĉiuj radikoj nepre devas egalvalori pro la sistemeco kaj logikeco kiujn oni povas postuli por lingvo artefarita internacia (p. 20) ». Kial do S-ro Ĉ. dividas la radikojn en konkretaj kaj abstraktaj?

Plej ofte en niaj lingvoj la neŭtralaj primitivaj *radikoj* fariĝis *vortoj* gramatike enklasigitaj. Tamen ne ĉiam: ekzemple en la Angla lingvo multaj radikoj estas indiferente nomoj, adjektivoj, adverboj, verboj... (house, man, hand, k. t. p., p. 23).

Por Franco la ideoj *clef* (ŝlosilo), *pelle* (ŝovelilo), *verrou* (riglilo) sin prezentas sub substantiva vesto; tamen, por Germano, tiuj ideoj portas *verban* veston. Pro tio mi opinias, ke la klasigo de S-ro Ĉ., kvankam pli liberdona ol tiu de S-ro A., tamen ne estas sufiĉe neŭtrala. Nur la U. V. kaj la Fundamento estas pravaj en tiu ĉi punkto kiel en multaj aliaj, tial ke ili trudas al neniu ian nacian pensmanieron.

Ju pli mi pripensas Esperanton kaj legas la pripensojn de aliaj teoriemuloj, des pli mi konvinkiĝas, ke nia lingvo estas samtempe teoria kaj praktika, aprioria kaj aposterioria, filozofia kaj natura, analiza kaj sinteza, aglutina kaj kunfleksia, gramatika kaj sengramatika, k. t. p. Esperanto estas tiel internacie kaj neŭtrale elpensita lingvo, ke ĝi ŝajnas aparteni al ĉiuj lingvaj sistemoj kaj adaptiĝas al ĉiuj senpartiaj teorioj.

Per la memstareco kaj sendependeco de la elementoj Zamenhof atingis tiun rezultaton. La radikoj (mi ne diras: la *vortoj*) ne dependas de ia vortara klasigo. La verbo ne « guvernas » la komplementon kaj ĉiuj verboj estas neŭtralaj; la rilatoj de la komplementoj kun la verbo estas montrataj per ĝenerala (*n*, kaj, *je*) aŭ per speciala propozicio. Ĉiuj radikoj estas egalvaloraj en la vortaro, ĉiuj vortoj estas sendependaj en la propozicio, ĉiu propozicio estas sendependa en la frazo; neniam ĉefa propozicio influas la verbon de alia propozicio; ne ekzistas « dependantaj » propozicioj. La konjunkcioj kaj interrilataj verboj ludas inter la propozicioj la saman rolon kiel la prepozicioj inter la vortoj. La prepozicioj ne influas la kazon, la konjunkcioj ne influas la modon.

Jen miaj ideoj kiuj ne ĉiudetale akordiĝas kun tiuj de S-ro Ĉefeĉ. Tamen ili ne estas malproksimaj.

∴

Pri la stilo tre bone diras S-ro Ĉ. (kaj en tiu punkto li renkontiĝas kun Kabe, Antido, k. a.): « ĉar stilo estas arto, la lerteco en la eljetado de la nebezonato konigas la stilartiston, kiu parole kaj skribe precizigas la radikojn nur se klareco tion ordonas (p. 21). »

∴

Nun, meritplena leginto, se vi deziras ripozigi vian kapon kaj heligi vian mallumigitan cerbon, tuj prenu vian « Fundamentan Krestomation » kaj relegu la « Plenan gramatikon de Esperanto » (p. 254-255).

VERTO.

# ESPERANTISMO

## KRONIKO

*(El niaj specialaj distriktaj korespondantoj)*

GRAVA AVIZO. — *Ni rememorigas al niaj korespondantoj ke ĉiujn informojn por la rubriko Esperantismo, ili bonvolu sendi antaŭ la* **10ª** *kaj* **25ª** *de ĉiu monato al ESPERANTO, Rue de la Bourse, 10, GENÈVE. por la sekvonta numero. Ili memoru ĉiam zorge montri la daton de ĉiu fakto kaj la devenon de ĉiu informo. Neniam ni raportos pri malnova okazintajo.*

---

**Novajoj el la Distriktoj** — *Braunschweig*, 30 feb., kunveno U. E. A.; oni parolis pri la nova statuto kaj la ĝenerala organizado, kaj pri la mono-entrepreno. — K. J. kaj R. H.

*Peterburgo*, Esp-ia kunveno, la 28 de marto; la kunveno komenciĝis per parolado de vic-prez. Zajcev kaj dankis Sron Nejinski pri lia monofero por presado de gvidfolio. Estas elektita propaganda komisiono por U. E. A.; prezid.: Sro Evstifejeff. — R. S.

**Novaj grupoj kaj societoj.** — La 4 de apr. la unua gejunula klubo en *Dresden* (Germ.): « En juneco nia espero ». Ĝia prez. estas A. Ziekler (14 jara) kaj 2ª prez. R. Rosch (12 jara). Ĝi aliĝos al la Germana Federacio de junaj Esperantistoj.

En *Hannover* (Germ.) grupenstr. 12, S-ro Beringer, Esp-iano malfermis fremdlingvan korespondejon kaj esperantan informejon. — L. B.

En *Washington*, fondiĝis la « Washingtona superlerneja Esperanta klubo », 25 anoj; Prez. C. E. Nickles. — C. E. N.

En *Freienstein-Rorbas* (Zuriĥo, Svis.) Prez.: J. G. Fritschi; Sekr. Karl Frei. — J. G. F.

**Novaj kursoj.** — En *Trieste* (Aŭstrio) la urbestraro permesis al la « Rondo Esp-ista » malfermi du novajn kursojn en du publikaj lernejoj; partoprenas *pli ol 300* gesinjoroj. Gvidas la instruadon: S-ro V. Pohusta, Del., kaj D-ro Ghez, V.-Del, — V. P.

En *Olot* (Hisp.) du kursoj estas malfermitaj. — J. P.

En *Freienstein-Rorbas* (Zuriĥo, Svis.) 12 lern. — J. G. F.

**Kunvenoj kaj festoj.** — Por la Paska lundo (17 apr.) S-ro G. Ramboux, Del. U. E. A. en Charleville (Franc.) organizis ekskurson al « Hauts Buttes », proksime de Charleville; plena sukceso. — G. R.

En *Bologna* (Ital.) la 22 de apr. festeneto organizita pro la alveno de aŭstria esp-iano, S-ro Ferri. En la sama urbo, la 24 de apr., muzika kunveno ĉe Pro Tellini; oni kantis Esperante de la 9a ĝis la 12ª F-ino A. Tellini akompanis per fortepiano. — O. M.

En *Santa-Kolono de Farnès* (Hispan.) S-ro Antono Minas organizis ekspozicion malfermitan nur al geesperantistoj. La propaganda efiko estis granda. — A. M.

En *Peterburgo*, la 9an de Apr., Ruslanda Ligo Esperantista aranĝis feston-balon kun koncerto kaj du komedioj (« Heredaĵo de Klodarek » kaj « Tie ĉi oni parolas Esperante ». Estis faritaj por la publiko du paroladoj unua de S-ro Vasilkovskij pri Esperanto kaj dua de S-ro N. P. Evstifejeff pri esperantistaj kongresoj.

La 10 de apr. jara kunveno de *Gibraltara* Societo okazis ĉe la Borso; oni decidis venigi S-ron Parrish (esp. parolado pri Kalifornio) kaj organizi koncerton dum majo. Sro Newham, serĝento de angla batalŝipo, parolis pri siaj renkontoj kun alilandaj esp-istoj. — C. J. E.

*Kongreso de S. F. P. E. en Lyon.* — Ĝi okazis kun plena sukceso la 21-22 kaj 23 aprilo. Vendredon posttagmeze okazis grava parolado de Sro Picard, instruisto, pri la instruado de la franca lingvo per Esperanto, laŭ metodo kiun li mem uzas en sia lernejo kun la aprobo de siaj estroj. Vespere Sro Chavet faris tre elokventan paroladon en Esperanto pri Antverpeno.

Sabaton, dum la tuta tago okazis la kunvenoj de la Delegitoj de la S. F. P. E. Grava rezultato de iliaj laboroj estas, ke de nun estos en Francujo nur unu nacia Societo sub kies aŭspicioj ĉiuj francaj samideanoj unuece laboros por la propagando kaj instruado de Esperanto. La statutoj estis akceptitaj laŭ la projektoj de la grupo de Bourges kaj de la Burgonja Federacio. Estis elektitaj 12 komitatanoj: S-roj Rollet de L'Isle, Boirac, Durieux, Cart, Dor, Samuel Meyer, Evrot, Robert, Bourlet, Demarcy, Doré, Archdeacon. Plie, ĉiuj Federacioj kavantaj almenaŭ 500 membrojn elektos 1 komitatanon.

Sabaton vespere okazis plej interesa koncerto kun esperanta prezentado de « Angla Lingvo sen Profesoro » de Tristan Bernard, kaj vivplena balo.

Dimanĉon matene en la kunveno de la Distrikto de U. E. A. de Sudorienta Francujo, kaj de ĉiuj Esperantianoj ĉeestantaj en Lyon, partoprenis multaj personoj. Ambaŭ estis prezidataj de S-ro Rousseau, vic.-prez. de U. E. A. S-ro D. D. Gabert raportis pri la disvastiĝo de U. E. A. en la distrikto dum la lasta jaro. Poste la multaj ĉeestantaj Del. kaj D. D. diskutis kaj voĉdonis proponojn pri afiŝoj de U. E. A., bindado de la gvidfolioj, ekskursoj, peresperantaj paroladoj k. a., pri kiuj ni reparolos.

Post la kongreso de la Rodana Federacio, kaj gaja festeno, okazis la ferma kunveno, dum kiu S-roj D-ro Dor, de Lajarte, Bourlet, Rousseau, laŭvice diris kelkajn vortojn pri T. E. K. A., la Societo de ŝtatoficistoj, la Scienca Asocio, kaj U. E. A.

Oni multe ŝatis la plenan ekspozicion, aranĝitan dank al la dokumentoj senditaj de la Lyon'aj grupoj kaj de U. E. A. T. R.

**Paroladoj.** — La 19an de aprilo, nia Laboro-konsulo S-ro Souchay, pri U. E. A. en la urbdomo de la XVIª kvartalo (ĉe sekcio de la pariza Grupo). — E. S.

En *Olot* (Hispan) Sro J. Pi ĉe la societo« Industria y comercio » pri la facileco de Esperanto kaj ĝiautileco. — J. P.

## OKAZONTAĴOJ

*14 Majo.* — En *Kaufbeuren*, festo de la ŝvabaj-bavaraj esperantistoj. Vizito de la muzeo, akcepta parolado; D-ro Ledermann paroles pri D-ro Zamenhof kaj lia vivo. Esp. ekspozicio; Festeno kunveno de Esp-iaj Delegitoj, promenado, koncerto, dancado, lampionfesto. Oni aliĝu ĉe Sro Beideck, Pferseerstr, 17, Augsburg (Germ.). — B.

*20-21 Majo.* — 4ª Kongreso de la Burgonja Federacio en Chalon-sur-Saône.

*21 maio.* — En *Saint-Denis*, kongreso de la Federacio de la Pariza regiono kunveno de U. E. A. — A. C.

*25-28 majo.* — En *Genovo*, 2-a kongreso de la Italaj Esper., sub la Honora Prezidanteco de la Urbestro de Genova kaj de la Inspektoro de la Reĝaj lernejoj. Organiza komitato: D-ro Stromboli, prez.; G. Sciuto, v.-prez. A. Schmucher, Sekr.; D. Giulitti, kas.

*Distrikta kunveno de U. E. A. por Nordokcid. Italujo* okazos en Genova dum la 2ª Itala Esp. kongreso. Tagordo: Raporto pri Esp-ia movado; 2 Pri la plej bona maniero diskonigi U. E. A. kaj elekti novajn Del. en la distrikto; 3, kiel interesi la komercistojn kaj turismajn societojn al U. E. A.

Pri informoj: D-ro A. Stromboli, Via Assaroti 53-15, Genova. I. F. E.

*3-5 junio Brno-Brünn* por la 10-a datreveno de la fondo de la 1-a grupo en Aŭstrio. Programo: la 3. vespere, akcepta kunveno. La 4.: matene, propag. parolado; posttg: vizito de la urbo; vespere: kunveno. La 5.: Ekskurso al la grotoj de Macocka.

Por informoj: Esp. Grupo, Kozi ulice 19, Brno (Moravio, Aŭstrio). — K. C. E.

*4-5 junio.* — 3-a Belga kongreso en Charleroi. — H. H.

*4-5 junio.* — Kunveno de Svisaj Esp-ianoj en Zürich. — H. H.

*4-5 junio.* — *Le Mans*, kongreso de la Centr-Okcidenta Federacio. Okazos *distrikta kunveno* de U. E. A. por la distrikto de Centrokcidenta Francujo. Tagordo : Baloto de definitiva Distr. Del. ; Servoj dum 1910-1911 ; situacio de U. E. A. (raportoj de la Del.) ; 2ª Kongreso de U. E. A. ; gvidfolioj ; propagandaj afiŝoj ; distrikta kaso ; diversaj proponoj. Ĉiuj Esp.-ianoj de la distrikto estas kore invitataj.

*24-25 junio.* — 2-a kongr. de la katalunaj Esp. en Tarragona. H. R.

*2 julio.* — Kongreso de la Esp. Normanda Federacio en Rouen.

*30 julio.* — Festo de la Ardenaj grupoj en *Charleville* (Franc.) tuj petu viajn kartojn (Sm 0,40) de Sro G. Ramboux, 40, rue Baron-Quinart, Charleville. — G. R.

*14-19 Aŭgusto.* — Dua intern. kongreso de la katolikaj Esperantistoj en Hago (Holando).

*18 Aŭg.* — En *Dresden* (Germ.) kunveno de la Esp. Stenografistoj Gabelsberger.

## DIVERSAĴOJ

.˙. *La Sepa.* Laŭ la lasta nº de *Belga Esperantisto* estis jam 590 aliĝoj. Oni rapidu sendu sian aliĝon ! Pri la tagordo de la laboraj kunsidoj de la kongreso, oni sin turnu al G-lo Sébert, 51, rue de Clichy, Paris. Pri la organizo de fakaj kunvenoj, oni skribu senpere al la Loka Komitato, kiu preparos kunvenejojn kaj difinos por ili tempon sur la programo.

.˙. *Esperanto kaj maristoj.* La 1ª Esp. Kataluna Kongreso starigis havenan komisionon, kiu celas propagandi Esp. ĉe maristoj de la fremdaj ŝipoj vizitantaj Barcelonon. Al ĉiu ŝipestro oni donas diversajn dokumentojn pri Esp. kaj samtempe skribas al la grupestro de la urbo, kien poste direktiĝos la ŝipo, ke li vizitu la ŝipestron kaj parolu al li pri Esp.

.˙. *U. E. A dum vojaĝo.* En nº 4ª de la rusa gazeto *Ondo de Esperanto*, S-ro Ŝidlovski rakontas en tre vivanta maniero kiel, sciante nur la rusan lingvon, li uzis la servojn de U.E.A. dum sia vojaĝo tra Germanujo. Li speciale, instigite de artikolo pri Harco en nia gazeto, restis plurajn tagojn en la vilao *Esperanto* de nia Del. en Wernigerode, S-ro W. Neurath, kiun li varme rekomendas al ĉiuj Esp-ianoj, kiuj deziras vivi kelkajn tagojn en Esperantia rondo.

.˙. *Gvidlibroj.* Aperis nova gvidlibro por *Ravenna*. Ĝi estis redaktata de S-ro A. Tellini, Del. de U. E. A., dank'al monhelpoj de la Komunumo de Ravenna, de l'Esp. Scienca Asocio kaj de U. E. A., kaj estis disdonata dum la Internacia Filozofia Kongreso. Tiu kvindekpaga gvidlibro havas belajn ilustrajojn kaj interesige klarigas la historiajn monumentojn de Ravenna. Ni varme rekomendas ĝin al niaj legantoj.

La iniciata Sindikato de Anjou publikigis belan ilustritan Esp. gvidlibron *Tra la lando d'Anjou.* (Adreso : 24, rue Chevreuil, Angers, Faanc.).

La Esp. gruparo eldonis Monoan gvidfolion dekdupaĝan pri *Berlino*.

La ilustrita gvidlibro de Augsburg, eldonita dum la lasta somero, estas ricevebla kontraŭ 2 resp. kuponoj. (Adreso : W. Beideck, Pferseerstr. 17, Augsburg).

La gvidlibro de *Hyères-la-Palmoj*, pri kiu ni jam parolis, estas en presado. Tuj post apero, ĝi estos presata je 10.000 ekz. kaj sendata al ĉiuj Esp-ianoj. Oni atentu ke ĝi estos sendata senpage, sed malgraŭ la enspezoj de la reklamo, tiu ĉi eldonaĵo kostos multe da mono kaj nia Del. petas, ke oni bonvolu helpi lin por pagi la sendkostojn. Oni do estas insiste petata alsendi al S-ro Nallet, Del. en Hyères, resp. kuponon kun nomo kaj adreso. Tio estas nur peto al ĝentileco de la Esp-ianoj, ĉar la nesendintoj de la petita resp. kupono ricevos ankaŭ la gvidlibron kiel la aliaj.

.˙. Dum la aprila kunsido, la ĝenerala konsilantaro de l'Ardena departemento (Francujo) esprimis la deziron, ke Esperanto estu instruata nedevige en la publikaj lernejoj de tuta Francujo. — G. R.

.˙. Post multaj klopodoj, nia Del. en Genova, Dro Stromboli, sukcesis interesi al nia afero la *Touring Club Italiano.* En la nuna numero de ĝia monata Revuo aperis malgranda esper. rubriko, en kiu la Genova Esp. unuiĝo sin deklaras preta sendi al ĉiuj membroj de la T. C. I. (preskaŭ 90.000 !) esp. gramatikon. — A. S.

.˙. La 3 de aprilo okazis en la lernejo de la 30ª distrikto en *Dresden* (Germ.) la unua publika ekzameno en Esperanto ; partoprenis 43 geknaboj 12-14 jaraj ; multnombraj Esperantistoj ĉeestis.

.˙. La rusa Ministro de komerco kaj industrio presigis la raporton pri Esperanto, al li prezentitan de oficiala reprezentinto de la ministrejo post Washingtona kongreso. — A. Z.

## TRA LA GAZETARO

.˙. En *Die Reise* (April, Berlin), dupaĝa artikolo de Dro Kandt pri vojaĝoj faritaj per U. E. A. — M. K.

.˙. En *The Bath Herald* (Anglujo), 8 apr., pri la progresoj de Esperanto. — E. R. B.

.˙. En *La Vie Sportive* (Francujo) 11 apr., france pri la parolado de Leŭt-to martin en Toulon, kaj esperante rigardo al la trairita vojo. — M.

.˙. En *La Dépêche de Rouen* (23 marto), en siaj « Diroj de Normandiano » Alain, kiu multfoje mokis akre nian lingvon dediĉas favoran artikolon al la praktika utileco de Esperanto. Li antaŭvidas la tempon kiam ĉiuj publikaj avizoj, ĉiuj utilaj regularoj kaj leĝoj, la hortabeloj de la fervojoj kaj ŝipoj kiel ĉiuj ajn praktiktaj informoj estos redaktataj en « Esperanto » !

.˙. Ĉiumonate nia kunfrato *Le Monde Esperantiste* enpresas por siaj esperantiaj legantoj, specialan kronikon de U. E. A. enhavantan ĉiujn notindajn faktojn : novaj subdelegitoj en Francujo, statistiko pri niaj servoj k. t. p. — Tiu ĵurnalo malfermis, inter siaj legantoj, monoferadon por la aviada medalo de nia Asocio.

— La franca komerca gazeto *Le Monde Économique* enpresas, en sia nº de la 25 marto, artikolon pri « Esperanto kaj francaj komercistoj » citante U. E. A. kaj ĝiajn ĉefajn servojn. M. G.

.˙. *Bohema Esperantisto.* — El artikolo de S-ro Kamaryt pri la *Neŭtraleco de Esperanto* :

« ...Kial do malkonfesi internan ideon de esperantismo, se ĝi ekzistas laŭ sperto ? Ĉar ĝi malutila ? Kiel, kie, kiam, kiom ? Kontraŭe estas bezona ! Atentigi esperantistojn, ke esperantismo ne havus sencon, se kun ĝia vastiĝo ne grandiĝus kaj ne multiĝus internacia vivo. Sole pro plenumo de ĝiaj bezonoj povis internacia lingvo sukcesi nur dum niaj tagoj. Tiu internacia vivo postulas, ke nuna nacia solidareco de individuoj estu kronita per internacia solidareco de individuoj. Efika laboro por esperanto devas tion ĉiam atenti. Propagandantoj de esperanto devas antaŭ ĉio konsciiĝi, ke venko de esperanto proksimiĝas tiom, kiom multiĝas ĝia bezono, poveblo ĝin apliki. Do ne povas esti propaganda laboro por esperanto simpla afero lingva, simpla studado de la lingvo, plibonigado, pliriĉiĝado kaj plilogikigado de ĝiaj gramatiko kaj vortaro. Tio estas nur malgranda parto de la poresperanta laboro. La ĉefa parto de la laboro estas uzi la lingvon praktike kaj povebligi ĝian uzon. Jen staras la bezono sentigi la bezonon de esperanto kaj povebligi ĝian uzadon... »

.˙. *Gestudentaj Interesoj* estas la oficiala organo de la idea internacia, societo de progresama gestudentaro « Ĉiostudenta Asocio ». (Esp-ia Entrepreno). Jarabono : 1 Sm. (Ed. Zatezky, Dluga 11, Krakow).

.˙. *Esperanta Penso* estas la nomo de nova Ĉila Esperanta gazeto.

.˙. *Ardena Stelo* publikigis detalan alvokon al la ardenaj komercistoj pri la servoj de U. E. A.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Bohema broŝuro pri U.E.A.** — Nia Del. en Prostejov, S-ro R. Fridich, eldonis en *bohema* lingvo bonegan broŝuron pri U. E. A., sub la titolo : *Esperantismus, a jeho svetova organisace U. E. A.* ; en ĝi estas detale priparolataj la organizo kaj la servoj de nia Asocio. La eldono de tiu broŝuro estis ebligata dank'al monhelpo de la Esp-ianoj en Bystrice-Hostyn, Hluk, Chvalkovice, Jeviĉko, Luhaĉovice, Prostejov, Roznov, Tabor, Vioen, Vitkovice. Vsetin, kiujn ni sincere dankas. Ni varme rekomendas la diritan utilan propagandilon al ĉiuj niaj bohemaj samideanoj. Prezo ; 5 ekz., 50 heleroj ; 10 ekz., 80 hel. ; 20 ekz., 1,50 kr. Sin turni al S-ro R. Fridich, del U. E. A. Prostejov (Moravio).

**Karavanoj al Antverpeno.** — Okaze de la Sepa Kongreso de Esperanto kaj de la 2a Kongreso de U. E. A. en Antverpeno, U. E. A. aranĝos diversajn karavanojn. Ni tre petas *ĉiujn personojn, kiuj jam aranĝas aŭ intencas aranĝi karavanojn al Antverpeno, ke ili tuj rilatiĝu kun ni.*

Ni jam povas informi, ke S-ro P. Blaise, Vicdel. en Londono, aranĝas sub la aŭspicioj de U. E. A. karavanon de Londono al Antverpeno. Por la personoj, kiuj deziras, li faros ĉiujn aranĝojn pri la vojaĝo kaj loĝado. Oni nur konigu ĉu oni ĉeestos en Anterpeno nur dum Sepa aŭ ankaŭ dum la Kongreso de U. E. A. Por ĉiuj informoj pri tiu karavano, sin turni al S-ro P. Blaise, 3 Lynette Ave., Clapham Common, *London S. W.* (kupono por respondo).

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 15-a de aprilo la nombro de la membroj, kies kotizaĵo por 1911-a estis ricevata de la Centra Kaso, estas 5,979 (antaŭa monato 5.141).

La Del. de la jenaj regionoj varbis lastan monaton pli ol 20 membrojn : Bern, Haarlem, Krefeld, Leeds. Praha, Rio de Janeiro, Worms-a/R. kaj New-York.

La jenaj regionoj lasttempe atingis pli ol 50 membrojn : Genova, Rotterdam kaj Rostov na Donu. Koran dankon al ĉiuj tiuj Delegitoj.

**Dumvivaj membroj.** — 15. S-ro Vaughan, Totok ; 16. Paul Bünemann, Patras.

FINANCOJ

**Donacoj por U. E. A. dum Marto.** — Ge-sroj : Pascal 1 ; Furtado 1.41 ; Pavlova 1.60 ; Kullanda 1.55 ; Sumo = Sm. 5.56.

**Donacoj por Internacia Aviada Rondvojaĝo.** — Sro Berenguier — 2 ; Sro Gelibter — 0,50 sumo Sm. 2.50. Antaŭaj listoj Sm. 86.14. La tuta sumo, Sm. 88.64.

**Konteltiro de U. E. A. dum Marto**

| Elspezoj | $ | Enspezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Lupago (februaro kaj marto) | 56 64 | Kotizaĵoj | 328 64 |
| Salajroj | 199 00 | Aprobantoj | 1 » |
| Oficejo kaj korespondado | 94 80 | Dumvivaj membroj | 40 » |
| Materialo | 22 20 | Esperantiaj Entrepr. | 49 » |
| Premioj por ŝildo | 4 20 | Donacoj | 5 56 |
| Presaĵoj | 332 48 | Aviado | 6 70 |
| Insignoj | 75 50 | Gvidfolioj | 10 08 |
| Diversaj kontoj | 34 13 | Diversaj | 2 22 |
| | | | 443 20 |
| | 818 95 | *Saldo* | 375 75 |
| | | | 818 95 |

**Kalkuloj de la 1a Kongreso de U. E. A.**

| Enspezoj | $ | Elpezoj | $ |
|---|---|---|---|
| Kuponaroj kaj kartoj Teka | 830 » | Monhelpo al la kongresa komitato | 100 » |
| Kongreskartoj | 351 » | Kuponaroj kaj kartoj Teka | 830 » |
| Helpkongresanoj | 133 » | Presaĵoj, Raportaro | 434 92 |
| Enirkartoj | 5 » | Oficistoj kaj helpantoj | 60 » |
| Diversaj | 2 76 | Diversaj | 41 65 |
| | 1.321 76 | | 1.466 57 |

Bilanco

| | |
|---|---|
| *Aktivo* : provizo de vendeblaj kongresaj Dokumentaroj (laŭ minimuma takso). | 34 » |
| Enspezoj | 1.321 76 |
| | 1.355 76 |
| Pasiva saldo | 110 81 |
| $ | 1.466 57 |
| *Pasivo* : Elspezoj | 1.466 57 |

**Novaj Del., Subdel. aŭ Vicdel.**

Arezzo (Ital.). — Jakobo Meazzini, Campo di Bibrena.

Dubrovnik-Raguza (Aŭstrio, Dalmatio). — Rudolf Rubĉic.

Enkhuizen (Nederlando). — Andries R. Zwaan, Westerstr. 184.

Goldach (Svis.). — Paul H. Schellenberg.

Lublin (Rusa Polujo). — Josef Nowet, ul. Namiestnikowska 309. (Vicdel.).

Ludwigslust (Germ., Meklenburgo). — Robert Wohlstadt, Vor dem neuen Tor.

Marburg (Aŭstrio, Adriatiko). — D-ro Henriko Haas, Gerichtshofgasse, 14.

Rakosliget apud Budapest (Hungar.). — P. Taufenecker, XI. Str. 11 Telef. 34-54 Budapest.

Riazan (Rusujo gub. Riazano). — Mihail Cimbalisty, Sorbonaja 246.

Rojdestveno (Rusujo, Jaroslav). — J. Ŝirajev.

Sarnen (Svisujo, Unterwalden). — S-ino Ehrenbolger-Sing, Sarnerhof.

Torre-Pellice (Italujo, Torino). — Alessandro Vinay, profesoro ĉe la Liceo Valdese.

Zawiercie (Rusa Polujo, gub. Petrokovsk). — Maksimiljan Withowski, Alec. Tow. « Zawiercie ».

**Ŝanĝoj.**

Cadiz : La Vicdel. estas nun, Ed. Gonzalez Escandon, Str. Feduchy 6. — Danzig : La Vicdel. estas nun, S-ino Paula Krejs Vorst. Graben 40 III. — Dubuque : La Del. loĝas nun, Pastro Theodor Hansen, Route 9. — Hluk : La Del. loĝas nun, Josef Socha, Predmesti Uherskij Ostroh. — Huy : La Vicdel. estas nun, Beaujean, komizo, rue St-Mengold. — Paris : Anstataŭ S-ro G. Warnier estas nun Del., Marcel Génermont, 55, rue des Saints-Pères. — Petersburg : La Del. estas nun, Aleksandr Zajcev. Pet. St. Mitninskij per. d. 5. kv. 55. — San Feliu de Guixols : La Del. estas nun, Str. Bajada Puente 6. — Seville : La Del. loĝas nun, Trinidad Soriano, Calle Espiritu Santo 21. — Voiron : La Del. estas nun, Marius Grouillard, Chem. de la Gigrogne-Crid.

**Novaj Esperantiaj Entreprenoj.**

Dijon. — Syndicat Général d'Initiative de la Bourgogne, 65, rue des Godrans. — Senpaga informejo por fremduloj.

Dijon. — Biscuits Pernot, biskvitfabrikejo.

Grenoble. — Esp. Grupo.

Monaco. — Propaganda Societo por Esp.

Saratov. — Oficejo de topografaj, termezuristaj, geodeziaj kaj teteknikaj laboroj. Moskovskaja 118, Telef. 188.

Grenoble. — Internacia Pafkonkurso ; S-ro Plussu, Place Achard, 4.

### Alvoko

Dum la somero de nuna jaro en urbo Omsk (okcidenta Siberio) estos organizita la unua Okcident-Siberio agrikultura-industria ekspozicio. Tiun ekspozicion vizitos multaj homoj el malproksimaj anguloj de Siberio kaj Rusujo. Tre grave estas, ke Esperanto estu plej bone reprezentita en tiu ekspozicio, por ke la kunvenintoj disportu la semojn de esperantismo tra la tuta lando. Tial *Tomska studenta rondeto* decidis preni sur sin la organizadon de esperantofako en la ekspozicio, kaj ni esperas, ke la tuta esperantistaro unuanime helpos en tiu entrepreno. Ni petas pri alsendo de gazetoj, libroj, p. kartoj ilustritaj, kaj ceteraj esperantaĵoj. Grava estas ankaŭ la monhelpo : la rondeto ne posedas sufiĉe da mono kaj esperas kovri la elspezojn per la enspezoj de vendado en ekspozicio.

LA KOMITATO.

Adreso : Siberio, Omsk

Atamanskaja 6. dom Levina, al A. Skalskij.

## FAKAJ ORGANIZAĴOJ

### Ĉiostudenta Asocio

Ĉiostudenta Asocio sola internacia, *centra* organizaĵo studenta elskribos en 2ª nº de sia oficiala organo *Gestudentaj interesoj* vojaĝajn stipendiojn por siaj membroj. Ĉiu interesulo povas jam nun ricevi informojn pri tio. Post ricevo de 1 respondkupono sendos la redakcio la 1an nron de G. I, kun informoj pri vojaĝstipendioj. La redakcio sendas ankaŭ *tute senpage* la prospektlibron de banurbo Luhaĉovice. Dum la nuna tempo aranĝas Ĉ. A. en Krakovio « oficejon por tradukoj » kaj serĉas korespondantojn el diversaj landoj. Dum la venonta januaro volas Ĉ. A. eldoni « Internacian Studentan Gvidilon » ; preparaj laboroj estas komencataj ; kun laboroj en ĉiuj landoj estas serĉataj. La 2 nº de G. I. alportos ankaŭ interesplenan artikoleton de Y. Mareŝ : Internacia kongreso ĉiostudenta. Interesuloj postulu la 1an numeron de G. I. (kontraŭ 1 respondkup.) ĉe redakcio : « Esperanto ». *Luhaĉovice* (Moravio-Aŭstrio). B. La redakcio akceptas kaj senpage ekspedas ĉiujn aldonaĵojn al gazeto, kaj tio esperantaĵn aŭ nacilingvajn.

### Cirkulero

Daŭre de la 1ª de Majo ĝis la mezo de Julio okazos ĉi tie enhavoriĉa ekspozicio metia, industria kaj artmetia.

Fial, ke nia kara lingvo malsufiĉe disvatiĝis en la suba Rejnlando, mi intencas fari efikan propagandon sub la aŭspicioj de U. E. A., uzonte tian okazon. Pro tio mi volas alvenigi kaj elmeti malgrandajn objektojn (gazetojn, prezarojn, katalogojn aŭ alian propagandan materialon) metiajn kaj artmetiajn el ĉiuj ajn landoj.

Apude mi pendigos tiun ĉi cirkuleron (skribitan esperante kaj germane) por provi, ke la objektoj estas venintaj sole per tia letero esperanta ne bezonante multe da leteroj diverslingvaj.

Helpu min, por ke mi sukcesos rilate al tia penado kaj sendu al mi tian malgrandan objekton — Al ĉiu speciala estas nur malgranda afero, sed al mi sola tro multekosta.

Por kompensi mivolonte sendos malgrandan objekton, artproduktajojn el nia silkurbo, ekz. portreton de nia imperiestro, silke teksitan.

Bonvolu sendi la objekton bone pakitan kiel « specimenon » sed ne aldoni « sen valoro ».

Mi esperas karaj samcelanoj, ke vi havos la afablecon rapidigi tiun ĉi aferon, kaj mi petas vin, akcepti mian tutkoran dankon kaj respektplenan saluton.

BOERGERMANN, ĝeneralagento,

Delegito de U. E. A.

kaj estro de la Esperanto-Societo Krefeld.

### Senpage !

Ricevas ĉiu samideano, kiu sendas internacian respondkuponon al D-ro Schramm, Dresden 20 (Germanujo) la *belegan esperante presitan broŝuron pri la Internacia Higiena Ekspozicio en Dresden.* Ĝi enhavas multajn ilustraĵojn kaj artikolojn kaj estas bona propagandilo. *A*peris ne nur nacilingvaj broŝuroj pri la ekspozicio, sed ankaŭ esperanta broŝuro, kio estas grava afero. Ĉar ni volas montri al la registaro, urbestraro kaj estraro de la ekspozicio, kiel *granda* jam estas la Esperantistaro, ni petegas *ĉiujn* samideanojn sendi internacian respondkuponon. Tuj ili ricevos la valoran libron.

---

## Esperantia Vivo

∴ La 21ªⁿ de Aprilo, fila nasfiiĝis al Ges. J. D. Applebaum, en *Liverpool* (Anglujo).

∴ En *Pleven* (Bulgar.) martis la 8/21 aprilo tre fervora, 28 jara samideano, Sro K. K. Avramov. La tiea grupo presigis mortleteron por peti la ĉeeston de la regionaj esperantistoj ĉe la funebra ceremonio.

---

Reval (Rusujo). — J. Grüntal, fotografisto, Grosse Ioahimstal strasse No 34 kun ĉiulandaj fotografistoj kaj-inoj. Profesia scienca celo. P. I. fotografaĵoj. Tuj dankeme respondas.

Boulogne-sur-Mer. — S-ro Victor Haigneré, internaciaj transportoj, 149, rue du Moulin-à-Vapeur, PI.

Paris (Francujo). — G. Charles, 10, rue Thouin (Ve). PI.

Debrezzen (Hungar.). — Fraŭlo Ferencz Kœrœsi, Zœldfa u. 6. — der interŝ. fraŭlinajn kaj belajn fotogr. : — koresp. L. PI. kun fraŭlinoj (p. m. b. f.).

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Augustin Pitlik, prof. de komerca akademio, PI.

Tiflis (Rus., Kaŭkazio). — S-ro Teodoro Sorokin, Pravlenje Tramvaja, PI.

Tours (Franc., I. et L.). — S-ro Bricet de Maurllac, 47 r. Californie, PI, kun Azio, Afriko, Portug., Svis., Ital., Balkan., Norveg.

Dresden (Germ., Saks.). — S-ro Max Sykora, instruisto, PI. L. kun eksterland.

Memmingen (Germ. Bavar.). — S-ro Eugen Ostermayer, bankoficisto, Furtgasse, 7. PI. (p. m. b. fl.) PM. — S-ro Karl Schwarz, bankoficisto, Gerberstr. 5, PI. PM.

Sottville-lès-Rouen (Franc., Seine-Inf.). — S-ro Georges Kréchan, 51, rue de la République, PI.

Moskvo-St-Stschelkovo (Rus.). S-ro Boris Tugarinov, magaz. de Rubcov, PI. L. pri literaturo, historio, filozofio kaj politika ekonomio.

Amsterdam (Holando). — S-ro G. Roskam, Reinwardtstraat, 48 III, PI.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro Miloŝ Kaiser, ĉeska realka, PI.

Kladno (Aŭstrio, Bohem.). — S-ro M. A. Ŝulc, komizo, Kralovska 774, PI. L. prefere kun komiz. aŭ komercist. de koloniaj komercoj.

Moskvo (Rus.). — S-ro Boris Vladimirov, Kalujskaja d. 22. Sendu por mia kolekto numeron de la plej legataj ĉiutagaj gazetoj en Via lando ; mi pagos ĝian prezon per belaj PI.

Prostejov (Aŭstrio, Moravio). — S-ro J. Pospiŝil, Brnenska ul. 20, PI (p. m. b. fl.).

Barcelona (Hisp.). — S-ro juan Amades, Peu de la Creu, 10, Tda,

Dresden (German. — S-ro W. Bratfisch, Radebeukstr. 8 II. PI. PM.

Los Angeles (Usono, Kaliformio). — S-ro Raymond L. Smith, 480 California Str. PM. ; al ĉiu persono sendinta al mi 25 (aŭ pli) malsamajn PM. de sia propra lando (escepte Usono) mi sendos ĉu PI. ĉu laŭ peto. Mi ankaŭ interŝ. PI (p. m. b. fl.). P. M.

Argenteuil près de Paris (Franc.). — S-ro Emile Castanier, 129, Grande rue, PK.

Samopomoŝĉ gub. Peterburg. (Rus.). — S-roj A. Ogloblin kaj A. Ivanov PI.

Zombor (Hungar.). — S-ro Karolo Csaszar L. V. St., Farkas u. 29, PI. (p. m. b. fl.) esper., france, germ., serbe kaj hungare).

Ĝœrlitz (Germ.). — S-roj H. Anicker, Iahnstr. 18 PI. (p. m. fl.). — S-ro H. Woy, Zittauestr 3.185 PI. (p. m. b. fl.). — S-ro M. Milkowitz, Bismarkstr 8, PI. (p. m. b. fl.).

Samideanoj kiuj volas korespondadi kun bohemaj esperantistoj sendu bonvole unu belan PI. kun plej legebla adreso al redakcio de Bohema Esperantisto Praha III, 495 Bohemujo, kiu senpage represos adreson en Bohema Esperantisto. Kiu volas ricevi Non enhavontan la adreson sendu unu resp. kup.

Mainz (Germ.). — S-ro Th. Spaar, Gaŭstrasse 52, PM. PI. (p. m. b. fl.).

Ondcarspel (Nederlando). — S-ino G. Bood de Vries, Spoorstraat; kun ĉiuj landoj, ĉiam resp.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

EKSPEDA FIRMO. — Krook Persson, en Lübeck. Ekspedoj la nordo. Eksport- kaj import-komisioj. Adreso : G. Klefe, Unterave, 8, Lübeck (Germanujo).

POŜTMARKOJ. — Mi deziras aĉeti pogrande poŝtmarkojn de iuj landoj. Sendu al mi priskribon kaj prezon de kiom vi havas. Mi sendos 100 diversajn Amerikajn poŝtmarkojn, po Sm. 0,30. C. E. Nickles, 122, Fla. Ave. N. W., Washington D. C. Usono.

TRA BOSNIO-HERZEGOVINO. — Belega Esp. gvidlibro, riĉe ilustrita. Bonega propagandilo. Prezo : 2 respondkuponoj, ĉe S-ro J. Schwarz, Del. U. E. A., Eisenbahn-Adjunkt, Sarajevo (Bosnio). Rabato da 33 0/0 al la Esperantistaj librovendejoj.

ATENTU ! Bonvolu antaŭ sendi Mk 1 (1 fr. 25) kaj vi ricevos sukceplenan novan kanton : *Mi amas vin* (5 ekz. Mk 4. — Fr. 5 ; 12 ekz. Mk 8. — Fr. 10 ; 20 ekz. Mk 12. — Fr. 15 ; 40 ekz. Mk 20. — Fr. 25. — S-ro Felix Hlobil, Valaŝ. Meziriĉi, Austrio-Moravio.

RIPREZENTADO. — S-ro L. Richard, 7, place de Beaune, Chalon-sur-Saône, Franc., petas riprezentadon de fremdaj vendaĵoj ; tre grave.

LA DEL. DE U. E. A. EN AMERIKO, kiuj scias ion pri mia frato, Julius Pfennigwerth laste en Granite City, Ilinos. estas petataj sendi sciigon al Robert Pfennigwerth, Hirschfelde i. Sa. Germanujo.

« GESTUDENTAJ INTERESOJ. » — Sola studenta organo. Jarabono Sm. 1. — Redakcio : « Esperanto » en Luhaĉovice (Aŭstrio, Moravio).

RIPREZENTADO. — D. Mazzini Nipote, Genova, Italujo, serĉas riprezentadon por Italujo de fremdaj firmoj por la vendado de kafo, feloj, produktoj por tanistoj, ĥemiaĵoj, oleoj, sebo, k. t. p. Oni korespondas esperante.

INĜENIERO-TEĤNOLOGO, rusa, 29-jara, asistanto en unu el rusaj superlernejoj, Esperantiano, serĉas iun ajn konvenan okupon en eksterlando. Adreso : Rusujo, Kiev, Nikolaevskaja str. no 9, al S-ro K. Szepe (por inĝ. P. P. K.).

ORIGINALAN PENTRAĴON de Murillo, vendas S-ro Jozefo Hermandes, Calle Pedro Fernandez 11, en Cordoba, Hispan.

LIBERTEMPEJO. — Kiu franca familio akceptus *dum julio* Germanan 30 jaran instruiston, kiu donus kompense al la gefiloj germanajn lecionojn ? Oni bonvolu sin turni al *Fritz Pfaff*, Seb. Münsterstr. 12, Worms, Germ.

KONVENAN OFICON SERĈAS en *Francujo* juna studendo de Pedagogia Instituto. Sin turni por kondiĉoj al S-ro K. Jen, Ĉes. Budejovice, Bohem. (Aŭstrio).

LIBERTEMPO. — J. Andersen, Ny Kongevej, Odense, Danujo, serĉas junulon (ĉ. 20-25 jaroj), kun kiu li povas interŝanĝi senpagnan restadon dum ĉ. 2 semajnoj tiun ĉi someron. Plejvole en Germanujo, Svedujo aŭ Norvegujo. Skribu plej baldaŭ.

## MARŜO DE LA ESPERANTIANOJ

Marŝu antaŭen, Esperantianoj,
Avangardo de la batalantoj
Por la paco, pioniroj fervoraj,
Dissemantoj de vivo kaj am'!...
El ĉiuj landoj, de ĉiuj rasoj,
De ĉiuj partioj kaj religioj
Eklevu unu vokon, eklevu unu kanton,
Parolu unu lingvon, parolu Esperant'!
Nek riveroj, nek Alpoj, nek maroj
Estu baroj al frataj rilatoj,
Kaj suspektoj, konfliktoj, malamoj
Malaperu tra la tuta mond'!
Et frostaj maroj al landoj varmegaj
Kaj el la uragana al kvieta oceano,
Kunplektu, gefratoj, l'amikajn viajn manojn
Ĉar sun' profetita leviĝas jam!

L. Scarselli.

N. B. — Por akiri muzikajon de tiu poemo, sin turni ĉe n. E. O. aŭ ĉe l'aŭtoro en Firenze. via del 'Agnolo 48.
Prezo : Sm. 0.50 (Fr. 1.25).



*La Administranto (Gérant) :* Michaud
Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

